# LITERATURA MONDO

TRIA PERIODO — UNUA JARO — 7—8

ĈEFREDAKTORO: KOLOMANO KALOCSAY
REDAKTA KOMITATO: FERENC SZILÁGYI, LUDOVIKO TÁRKONY, GASTON WARINGHIEN
ĈEFKUNLABORANTO: JULIO BAGHY



REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: BUDAPEST, VIII., RÖKK SZILÁRD-STR. 28., HUNGARIO

# PREZARO

**Prezoj estas montritaj en USA-dolaroj**

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| Julio Baghy: **VIKTIMOJ* . . . . . . | Elĉerpiĝis | |
| K. Kalocsay: **LINGVO, STILO, FORMO* . | | —.60 |
| K. Kalocsay: **STREĈITA KORDO* . . . | | 1.20 |
| K. Kalocsay: **ETERNA BUKEDO* . . . | | 2.40 |
| Madách—K. Kalocsay: *TRAGEDIO DE L' HOMO* . . | | 1.— |
| K. Kalocsay—Dante: *INFERO* . . . . . . . . | 2.50 | 2.— |
| K. Kalocsay: *ARTHISTORIO I.* . . . . | | 2.80 |
| K. Kalocsay—Waringhien: **PARNASA GVIDLIBRO* . . | | 1.— |
| Bleier—Kökény—Ŝirjaev: **ENCIKLOPEDIO DE ESP.* | | |
| vol. I—II. ilustrita . . . . . | Elĉerpiĝis | |
| Nur la II-a vol. ilustrita . . . | | 5.— |
| Sen ilustraĵoj, vol. I—II. . . | | 6.— |
| L. Tárkony (Totsche): *DE PAĜO AL PAĜO* . . . | 1.20 | —.90 |
| K. Kalocsay: *DEKDU POETOJ* . . . . . | 1.20 | —.75 |
| E. Aisberg: *FINE MI KOMPRENAS LA RADION* . . . . . . . . | | 1.40 |
| Jelušić—Rotkvič: *CEZARO* . . . . . . . . | | 2.70 |
| Kamaryt—Ginz: **ĈEĤOSLOVAKA ANTOLOGIO* | | 4.— |
| A. Munthe—Weleminsky: *ROMANO DE SAN MICHELE* | | 2.70 |
| E. Wiesenfeld: *VERKARO DE FEZ* . . . . | | 2.— |
| Van Loon—Saville: *RIGARDU LA TERON* . . . | | 4.— |

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| Kalocsay—Baghy: *ARĜENTA DUOPO,* jubilea libro, I-a volumo . . . . . . | | 1.30 |
| Muzik-notoj de la II-a volumo (Kantoj de Baghy—Kalocsay) . | | —.50 |
| A. Baur: *SVISA ANTOLOGIO* . . . . | 4.60 | 4.— |
| K. Kalocsay: *RIMPORTRETOJ* . . . . . | | —.40 |
| Asch—Lejzerovicz: *SORĈISTINO EL KASTILIO* . | 1.50 | 1.— |
| Grenkamp—Bzrekowski: *PRI L' MODERNA ARTO* . . | 1.— | |
| T. Herzl—B. Selzer: *LA JUDA ŜTATO* . . . . . | | —.90 |
| Adamson: *AULI* . . . . . . . . . | | —.60 |
| I. Lejzerovicz: *EL LA VERDA BIBLIO* . . | —.70 | —.40 |
| H. Seppik: *LA TUTA ESPERANTO* . . . | Elĉerpiĝis | |
| EMBA: *MARIA KAJ LA GRUPO* . . | | 1.10 |
| Rilke—Münz: *LETEROJ AL JUNA POETO* . | —.50 | |
| Jerome—Badash: *TRI HOMOJ EN BOATO* . . | 1.90 | 1.40 |
| Kikuĉi—Ŝimomura: *AMO DE TOOjUURO* . . . . | | —.40 |
| L. N. Newell: *BAKŜIŜ* . . . . . . . . | 1.70 | 1.20 |
| Goethe—Kalocsay: *ROMAJ ELEGIOJ* . . . . . | —.80 | —.60 |
| N. Kurzens: *MIA SPEKTRO* . . . . . . | | —.50 |
| Bleier—Ĉense: *ORA LIBRO DE LA ESPERANTO-MOVADO* . . . . . | | 1.— |

Aldonu 10% por afranko
Ni respondecas nur por rekomenditaj sendaĵoj.
Rekomendo por pakaĵo —.20 USA-dolaroj.

*Rimarko:* La kovrilpaĝoj de la libroj markitaj per*, perdiĝis pro la militaj okazintaĵoj. Tial ili havas simplan karton-kovrilon, sen ajna surskribo.

Provnumeroj de Literatura Monda kontraŭ 2 respondkuponoj.
Librojn mendu ĉe niaj reprezentantoj aŭ ĉe via Ebristo.

3ª período unua jaro nro 7-8

# KANCERO DE ANIMO

JULIO BAGHY

I.

Antaŭ bulvarda ludomo haltis aŭto de la polico. Du uniforme, unu civile vestitaj viroj descendis: la policaj kuracistmajoro, kapitano, detektivo. Sub la volbo de la pordego la pordisto atendis ilin.

— Mi estas Korodi, la pordisto. Mi gvidos vin, sinjoroj.

— Kie estas la loĝejo? — la kapitano demandis.

— Kvara etaĝo. Ni havas lifton. Jen, sinjoroj, bonvolu ascendi!

Ili okupis la liftkajuton oficodigne, senvorte. Kun obtuza brueto la lifto ekleviĝis. La detektivo interesiĝis.

— Kio estas lia nomo?

— Paŭlo Varasdi. Ĵurnalisto li estis. Maljuniĝanta, bonmaniera, afabla viro li estis. Neniu estus pensinta, ke tiel . . .

— Kiu rimarkis la aferon?

— La najbarino. Ŝi aŭdis la pafon. Tuj ŝi kuris al lia pordo, sed vane ŝi frapis sur ĝi. Poste ŝi venis al mi por diri sian suspekton. Mi vokigis policanon. En lia akompano ni iris al la loĝejo, malfermis la pordon per hokŝlosilo. La policano estas supre. Telefone li sciigis vin pri la okazaĵo.

— Dankon! Laŭ mia opinio, ni finos dum kvaronhoro — rimarkis la kapitano.

La lifto haltis. Ĉe la fino de la koridoro el la grupeto de viroj kaj virinoj altiĝis la figuro de policano. Tuj, kiam li rimarkis siajn superulojn, discipline li salutis ilin. La vigle parolanta grupeto silentiĝis kaj lasis liberan vojon al la oficialuloj. Kompato miksita kun scivolemo respeguliĝis sur la vizaĝoj.

La policano raportis al la kapitano.

— Stefano Gere, policano el la postenejo numero centdudek, raportas, ke antaŭ duonhoro je la alvoko de la pordisto mi penetris en la loĝejon de Paŭlo Varasdi. Mi trovis la ĉefluanton mortinta. Memmortigo. Adiaŭaj leteroj sur la tablo. Pri la sekureco de la loko mi zorgis. La nomojn de la eventuale pridemandotaj personoj mi notis.

— Dankon! Restu ekstere! Nur je alvoko oni povas paŝi en la loĝejon. Raportu la alvenon de la kadavrotransportistoj. Sinjoro — la kapitano turnis sin al la pordisto —, bonvolu resti kun ni.

Ili paŝis en la ĉambron. Pureco, agrabla ordo regis ĉie. La fruprintempa suno orumis la meblaron. Sur la tablo, kovrita per blanka puntotuko, kuŝis bukedeto da freŝaj violoj kaj du leteroj. Unu en malfermita, la alia en fermita koverto. Sur la kanapo, duone deglitinta, kuŝis la mortinto. Bonvestita, altstatura viro. Lian purecon makulis nur la sango, fluinta el lia brusto. Laŭ aspekto, lia aĝo malfacile difinebla. La morto sensulkigis la vizaĝon, la lipojn kurbigis je ironia rideto. En liaj brunaj haroj kelke da arĝentaj sugestis, ke la prujno de la aŭtuno tuŝis ilin kaj li ne estis jam juna. La vivestinga revolvero kuŝis sur la planko tiel, kiel ĝi falis el la mano de la mortinto.

La kapitano eksidis al la tablo, elpoŝigis sian fontplumon, el la aktujo metis foliojn da skribpaperoj sur la tablon por la farota protokolo. La maljuna kuracistmajoro paŝis al la mortinto. La detektivo zorge prenis la revolveron kaj ekobservis ĝin. La pordisto iom rigide restis staranta ĉe la enirejo kaj rigardis la iaman ĉefluanton. Verŝajne li pensis, ke ankaŭ tiu ne plu pagos por malŝloso de la pordego. Por tiu foririnto jam la estiminda ĉiela pordisto senpage malfermis la pordegon, se vere ekzistas alia mondo kaj tie servas estiminda ŝlosilzorganta maljunulo

Dum la kuracisto okupis sin pri la mortinto, la kapitano ĉirkaŭrigardis. La sunorumita hejmo ŝajnis esti nesto de paco kaj feliĉo, tamen tiun ŝajnon refutis la okazinta tragedio. Eble por konservi tiun ŝajnon la malfeliĉulo deturnis fremdan monon kaj . . . Lia rigardo trafis la leterojn. La unua, en la malfermita koverto, havis la adreson de la polico. Kelklinia klarigo kaj peto: „Mi ne povis suferi plu. Estis sufiĉe! Mi petas, se eble, preterlasi la sekciadon. Estus superflue. Mi mem mortigis min. Punkto! Paŭlo Varasdi." . . . Sur la koverto, metita al la freŝa violbukedeto, estis sola frazo: „Al mia

# KONGRESA SALUTO

Bern, 1947.

Ho fratoj en la signo de l' Espero,
Forpasis do la tempoj de sufero!
De kiam ĉesis la homar' tempesti
L' unuan fojon povas ni kunesti,
Dek jarojn post la ora jubileo.
Kiaj dek jaroj! Kiom da hom-veo,
Kiom da mortoj, kiom da turmento!
Sufiĉaj ili estus por jarcento!

En nia historio sesdekjara
Dufoje nin jam plagis sort' amara.
Dufoje mutis pri l' Esper' la kanto,
Dufoje preskaŭ mortis Esperanto.

Koncipiĝinte en animo sola,
Ĝi kreskis je trezor' interpopola,
Ĝin vartis diligenta kolegaro,
Kaj — jen ĝi marŝis jam sen halt' kaj staro,
Amasojn entuziasmajn por si gajnis,
Sed kiam ĝi decide venki ŝajnis,
Kaj post la solvo de l' interna krizo
Triumfon volis festi en Parizo,
Ekbrulis mond' — kaj ĝia belpromesa
Juneco velkis de la flam' freneza.

Kaj kiam ĝi el sia morto ŝajna
Revivis kaj kun pli-ol-iam-ajna
Viv-povo ree marŝis tra la tero,
Kaj sur la rekta vojo de prospero,
Elaste, freŝe, riĉe de kulturo
Ĝi portis siajn fruktojn de maturo, —
Atakis mondon, kun potenc' ekstermа,
Faŝismo, tiu monstro plej moderna:
Pri rasa supereco sonis gurdo
Por muzik-akompan' de rab' kaj murdo.
Ho tempoj de la senespera nigro!
Revenis la epok' de l' popolmigro,
Landon post land' invadis novaj gotoj,
Kaj kien ilin tretis per la botoj,
Kien atingis per flugil' vesperta,
Mortis la lumo de la stelo verda.

Popoloj venkis — ili venki devis:
La bruna best' en sia groto krevis.
Ĝi krevis, sed ne mortis la faŝismo,
Ĝi revas jam pri nova kataklismo,
Kaj ĝi infektas ĉie la animojn,
Milvoĉe disvastigas dubojn, timojn.
Volante tiel kun infera ruzo
Profiti ree el la mondkonfuzo.
Rezistu al ĉi mondo-malamiko!
Se vi, en embaraso de paniko,
Parolas treme pri milit' venonta,
Vi helpas ĝin en ĝia plan' senhonta.

---

edzino, kiel lasta ĝentilaĵo de mia amo."...
Por momento la mieno de la kapitano respeguliskonsternon. Longe li rigardis la koverton, li rigardis kaj sentis, kvazaŭ nevidebla mano peziĝus al lia brusto.

— La kuglo penetris en la bruston inter la kvara kaj kvina ripoj. Ĝia elira loko estas sur la maldekstra skapolo. Tuja morto. Ĉirkaŭ la vundo kaj ĉe la truo sur la ĉemizo estas postsignoj de bruleto. Memmortigo — raportis la kuracisto.

— La revolvero estas modelo Steyer, brauning-sistema, kun sep kugloj. Unu mankas el ili. La eljetiĝintan malplenan kuglotubon mi trovis sur la kanapo — la detektivo kompletigis la raporton.

La kapitano, kvazaŭ li volus forpeli ian tentan penson, ekskuis sian kapon kaj laŭtvoĉe admonis sin: „Ek al la laboro!" Li turnis sin al la pordisto.

— Bonvolu komuniki ĉion, kion vi opinias necesa pri la mortinto: lian nomon, lian profesion, ion pri liaj cirkonstancoj konataj de vi.

— Paŭlo Varsadi, ĵurnalisto. De deksep jaroj li estis ĉefluanto de la loĝejo. Kiel nova edzo li okupis ĝin kun sia juna edzino. Gaja, bonhumora, bonmaniera viro li estis. Ofte li babilis kun mi pri ĉio. Dum la milito kaj sieĝo li kondutis tre humane. Li amegis sian edzinon. Tion ĉiu povas konstati

— Ĉu ŝi forlasis lin?

— Ne! Ili kune vivis. Neniam ili kverelis. Verdire, mi ne povas scii, kio okazis. Eble financaj zorgoj, ĉar nun neniu vivas tiel, kiel antaŭe. Vere, la virinoj ŝatas klaĉadi. Ankaŭ pri ili estis klaĉo.

— Kion oni diris pri ili?

— Onidire la subluanto venenis ilian vivon familian.

— Ĉu subluanton ili havis? De kiam?

Ho liberigu vin de l' superstiĉo,
Ke ni de tiu monstra malfeliĉo
Ne povas savi nin: ĝi venos certe.
Samideanoj! krias mi averte:
Tiu dubemo estas kvazaŭ pesto!
Deklaru plej decide, kun protesto
Al ĉiu, ĉu trompanto, ĉu trompito:
*Ne estos plu, ne estos plu milito!*

Ĉar eĉ en la epoko de l' atomoj
Ĉio dependas de la simplaj homoj,
Kaj ke nek la fumantaj urbruinoj,
Nek amasiĝ' de orfoj kaj vidvinoj,
Nek eĉ la eksplodiĝ' de l' tuta mondo
Ja helpos la popolojn al la fondo
De la abundo kaj de l' viv' sentima,
Ke la milito estas ne nur krima,
Sed ankaŭ stulta oferad' de sango,
Ke l' atombombo estas bumerango,
Ke sur la sojlo de la mondfeliĉo
Malsaĝ' ridinda estus neniiĝo
Kaj flug' al ĉiuj flankoj de l' etero:
Ĉio ĉi estas tiel simpla vero,
Ke eĉ plej simplaj homoj ĝin komprenas,
Kaj la decid' *al ili* apartenas!
Ne eblas fari sangan politikon,
Se ili faros grandiozan strikon
Kontraŭ la puŝ de l' mondo al abismo.
Vivu la ĉiovenka optimismo

De l' frat-popoloj en labor' laŭplana
Por mondo de abundo, mondo sana!

Por tiu mondo sana, mondo paca
Ni eklaboru kun fervor' sagaca!
Kaj, por ke ni ne restu eta sekto,
De nun alia estu la direkto
De nia vojo sub la stel/ kvinpinta!
Jam ĉesu tiu kredo, nin trompinta,
Ke ni por la sukceso havas ŝancojn,
Se ni konvinki penas la instancojn!
Ni ne konfidu nin je la bonvolo
De potenculoj, sed je la popolo!
De-sube supren — tiu marŝo traos
Ĉiujn obstaklojn, barojn forbalaos,
Ĉar voĉ' popola estas voĉ' de Dio!
Ek! Ni ne timu esti la gvardio
De la Progreso! El ebura turo
Descendi kaj batali por futuro
De l' liberemaj, laboremaj homoj,
Kaj kontraŭ la faŝistaj mondfantomoj
Inter la vicoj de l' amasoj grandaj,
Ĝis en la koroj, cerboj ĉiulandaj
Ekradikiĝos firme la konscio,
Ke la hom-paco kaj la mond-racio
Posedas en ni fortan federanton.
Ni tiel vidos venki Esperanton.

*K. Kalocsay*

---

— Post la milito ili subluigis la ĉambron de la servistino. Ĝi havas apartan enirejon al la koridoro. Post la sieĝo unu juna kolego de la sinjorino transloĝigis sin tien. Tre agrabla juna viro. Nenion malbonan mi povas diri pri li.

— Mi komprenas. La subluanto estas juna, la edzo maljuniĝanta. Nu, kaj la virino?

— Vere, mi ne scias. Ŝi povas havi kvardek jarojn. Kelkfoje ŝi ŝajnis esti pli, alifoje malpli. Vi ja scias, sinjoro kapitano, kiel la aĝo varias laŭ humoro ĉe la virinoj.

— Jes, mi scias. Ĉu infanon ili havis?

— Ne! Ĉiam mi miris pri tio. Ili ja tiel kore amis unu la alian.

— Ion alian vi ne scias. Ĉu?

— Nun nenio venas en mian kapon... Tamen jes, eble tio interesos vin. Antaŭ kelkaj horoj, kiam lastfoje mi renkontis lin ĉe la lifto, li tenis en sia mano tiun violbukedeton. Mi rimarkis, ke lia edzino certe tre ĝojos pri la printempa floreto. Ridetante li diris: „De deksep jaroj la tridekunuan de marto mi donacas tian bukedeton al mia edzineto. Sciu, tiun tagon mi renkontis ŝin. Pli belan tagon dum mia tuta vivo Dio ne donis al mi." Mi diras ja, ke li ridetis, eble iom malgaje, enpensiĝeme, sed vere, mi ne povis pensi ion tragedian. Kiam la lifto atingis la kvaran etaĝon, li ŝovis dekflorenan bankbileton en mian manon, dirante: „Je la memoro de tiu ĉi tago trinku ion, oĉjo Korodi!" Ĉiam li nomis min tiel, kvankam nur du jarojn li estis pli juna ol mi.

— Kiomjara vi estas?

— Sesdek. Komprenèble sur mi la jaroj lasis pli da postsignoj ol sur li. Sinjoro Varasdi aspektis dek jarojn pli juna ol liaj samaĝuloj.

La rigardo de la kapitano observis la vi-

zaĝon de la mortinto. En tiu rigardo esprimiĝis delikata kompreno, poste li turnis sin denove al la pordisto.

— Dankon pro la informoj. Mi petas vin, diru al la policano, ke li enlasu la virinon, kiu malkovris la memmortigon. Provizore mi ne bezonas vin.

La pordisto forlasis la ĉambron. En la longminuta silento nur la tiktakado de la murhorloĝo aŭdebliĝis. La kapitano rigardis al la mortinto, kvazaŭ li dezirus konatiĝi kun la sekreto de la mutiĝinta koro.

— Tipa memmortiga kaŭzo — la kuracistmajoro rompis la silenton. — La neglektata kaj maljuniĝanta edzo ne povis toleri plu, ke la Vivo frakasis lian idolon kaj iun tagon li renkontis fremdiĝintan animon. Ĉiutaga historieto.

— Jes, ĉiutaga. La ombra flanko de la sunbrilaj martoj — konsentis la kapitano kaj lian voĉon raŭkigis la rememoro, lia mieno esprimis nuancon de doloro. — Ĉu vi scias, kara doktoro, ke tiu ĉi homo ne nun mortis?

La kuracistmajoro surprizite rigardis al la kapitano.

— Mi ne komprenas. Apenaŭ pasis horo depost lia morto.

— Vi estas prava. Apenaŭ pasis horo, kiam li mortigis sian korpon, sed ni ne scias, kiam li ricevis la mortigan vundon, kiun oni faris sur lia animo. Li skribis al la polico, ke li ne povas suferi plu. La animo de tiu ĉi homo estis unu sola vundo, malfermita, nezorgata, nebandaĝita kaj en tiun vundon la vivo ĵetis ĉiujn siajn malpurajojn kaj tiel lia animo infektiĝis, pusiĝis kaj ĝi farigis dolora ulcero, nekuracebla vundo: kancero de la animo. Nur tiam mildiĝis la doloro, kiam la virino mensogis amon al li, kiam ŝi ridetis al li. Efemerefikaj morfininjektoj estis tio ĉi. Nur la sincera amo havas kuracpovon. . . . Malfeliĉulo, efektive li povis suferi multe, tro multe por deziri plu la vivon.

La kuracistmajoro iom mire rigardis al la parolanto, sed lian respondon malhelpis la knaro de la malfermiĝanta pordo. Sur ĝia sojlo aperis virineto, larmokula kaj timomiena. En ŝia rigardo estis embaraso kaj atendo.

—La pordisto diris, ke vi, sinjoro kapitano, deziras pridemandi min.

— Jes, sinjorino. Ĉu vi estas tiu, kiu aŭdis la pafon kaj malkovris la memmortigon?

— Jes, mi. Eĉ mia korbatado haltis por momento, kiam mi aŭdis la eksplodon. Tuj mi divenis, ke okazis malfeliĉo. Ofte mi pensis pri tio dum la lastaj monatoj, ke foje tragedio okazos en tiu ĉi loĝejo.

— Pro kio vi supozis tion?

— Ho Dio mia, oni ja antaŭsentas tion. Dek jarojn mi loĝas en la najbara loĝejo. Ili ambaŭ estis gajaj, ĉiam babilemaj, kaj iun tagon . . . kelkajn monatojn post la sieĝo la ĉiama rideto forvelkis sur la lipoj de la viro. Li kvazaŭ senanime iris, revenis, distrite rigardis antaŭ sin, forgesis saluti kaj kun videbla embaraso interesiĝis ĉe mi, kiam li ne trovis sian edzinon en la hejmo, ĉu mi ne scias, kien ŝi foriris? La virino ŝanĝiĝis. Ŝi volis tre juniĝi. Kial la virino volas esti pli bela? Por esti plaĉa ankaŭ al alia, ne sole al la edzo. Tiel komenciĝas, ĉiam tiel. Ŝi estis ja bela kaj ofte mi aŭdis de ŝia edzo, ke en la tuta mondo ne estas pli bela, pli bona, pli nobla ol lia edzino. La malfeliĉulo preskaŭ adoris sian edzinon. Lia mieno perfidis, ke ĉiu lia penso estas por ŝi. Ho, ni, virinoj, sentas tion eĉ ĉe fremdaj viroj. Por tia viro ni sentas kontraŭvolan estimon, simpation kaj . . . nu, iomete envion ni havas pro li.

— Kaj kion vi faris, kiam la pafon vi estis aŭdanta?

— Tuj mi kuris al ilia pordo. Ĝi estis ŝlosita. Mi frapis sur ĝi, poste per la pugnoj mi batis ĝin. Vane! Mi provis spioni tra la fenestro, sed pro la kurteno mi povis vidi nenion. Fine mi rapidis al la pordisto de la domo, kaj . . .

Ekstere sur la koridoro virina voĉo energie postulis: „Mi petas, lasu min eniri! Mia loĝejo estas tiu ĉi! Kio okazis? Pro Dio, kial la polico?"

— La voĉo de la virino, sinjoro kapitano... Ŝi nun revenis el la kinejo. Almenaŭ ŝi diris tion al mi, kiam li foriris. Certe ŝi estis kun la subluanto. Tiel ili kutime faris — klarigis la atestantino.

La policano paŝis en la ĉambron kaj ra-

# LA MESAĜO DE NAZIM HIKMET

K. Kalocsay

Poeto Nazim Hikmet sidas
Por tridek jaroj en karcer'...
La muroj ĉirkaŭ li mucidas,
La sunon li neniam vidas
Inter fenestra krad' el fer'.

Jen sian plej dolĉkantan filon
Turkujo tenas en obskur'.
Domaĝas al li la sunbrilon,
Domaĝas al li eĉ skribilon.
Li skrapas versojn sur la mur'.

La skrapo muron ja ne fendas...
Tamen, skrapeton post skrapet'
Li ungas: per la ungoj plendas.
Mesaĝon per la ungoj sendas
El sia tombo la poet':

„Alaŭdoj, kiuj en libero
Vin svingas kante al ĉiel',
Memoru en la blua sfero
De via ĝojo pri l'sufero
De mi: alaŭdo en la kel'!

Unu la mond'! kaj ĉies fato
Estas eĉ unu sklavo-sort'!
La mondon trafas ĉiu bato.
Kiun eĉ unu kantistfrato
Suferas pro la justa vort'!

Malsanas ĉiu ĝoj' de l' tero,
Dum ie turk', hispan', aŭ grek',
Aŭ ajna birdo de l' libero,
Bardo luktanta por la vero
Baraktas kun ŝtopita bek'!

Naĝantoj de la firmamento,
Do miksu triston al la tril',
Kaj per kadencoj de lamento
Funebru, ke mi en turmento
Devas vegeti sen sunbril'!"

Ho Nazim Hikmet, skrapu, skrapu,
Obstine skrapu sur la mur',
Kaj la obtuza bruet' eskapu,
Kaj kiel tondro ĝi disfrapu,
La mond' ĝin eĥu per murmur',

Ĝin portu alaŭdoj al la alto,
Ĝin tintu infana voĉ-arĝent',
Zumzumu bas', rukulu aldo,
Jaztamburistoj en ekzalto
Tamburu al la Okcident':

„Unu la mond'! Kaj ĉies fato
Estas eĉ unu sklav-sufer'!
Malsanas ĝoj', dum turmentato,
Liber-aspira kantistfrato
La muron skrapas sub la ter'!"

---

portis, ke la edzino de la memmortiginto alvenis kun juna sinjoro.

— Lasu ilin enveni!... Sinjorino, por momento mi petas vin, mi deziras noti vian nomon.

— Valeria Kubany, edzino de d-ro Francisko Kubany. Mia edzo estas oficisto ĉe la akcia societo Gellert, ni loĝas en la apuda loĝejo n-ro 11 kaj...

— Dankon! Nun mi ne bezonas vin... Bonvolu eble for...

En la kadro de la brue malfermita pordo nun aperis zorge ŝminkita virina vizaĝo kun terurtimaj okuloj kaj malantaŭ ŝi juna viro, kies rigardo perfidis lian rifuĝsopiron.

— Kio okazis? Pro Dio, kial vi estas ĉi tie, sinjoroj?

— Sinjorino, via edzo mortigis sin. Li mortis. — La voĉo de la kapitano sajnis kruele senkolora, senkompata. Kun fantomvida rigardo li observis la mienon de la virino. En ŝia rigardo mutis senvoĉa, senlarma emocio, kvazaŭ ŝi ne estus kompreninta, kion li diris al ŝi. La kapitano montris al la kanapo. Ŝia rigardo sekvis la direkton kaj la volo ne povis venki ŝian senmovecon. Eĉ voĉon ŝi ne havis. Verŝajne ŝi nur rigardis, sed ne vidis la mortinton. — Jen por vi, sinjorino, lia adiaŭa letero. La klarigon ĝi eble enhavos.

La kapitano prenis la fermitan koverton, la bukedeton da violoj kaj transdone etendis ilin al la virino.

— Jen, sinjorina moŝto, li sendis tiujn floretojn al vi je la memoro pri la 31-an de Marto, kiel lastan saluton — kaj la tono de la vortoj estis amare sarkasma kaj lia mieno respegulis doloran ironion. — Cetere tio ne havas plu signifon. Tiu Marto pasis antaŭ deksep jaroj . . . Hodiaŭ la realaĵo estas tiu mortinto kaj tiu ĉi letero. Prenu kaj legu ĝin, sinjorina moŝto, poste, se vi povas komuniki ĝian enhavon, faru tion . . . kaj vi, sinjoro — la kapitano turnis sin al la junulo, staranta apud la virino —, bonvolu protekti la sinjorinan moŝton, se hazarde venus en ŝian kapon la ideo sveni kaj senkonsciiĝi. Ĉe tiaj okazoj estas kutimo, utila kaj krimkaŝa kutimo, sed mi avertas vin, ke ĉe mi tio ne havas efikon.

— Sed sinjoro kapitano, mi protestas . . . mi ja ne . . . vere, mi ne — la mortpala junulo pledis por si tremvoĉe.

— Mi scias. Nek vi . . . nek ŝi. Por la murdo de animo ni ne havas paragrafon. La juneco estas senrespondeca kaj la velkiĝo, imitanta junecon, perdas sian prudenton, kiam ili fariĝas kunkrimantoj, kiam ili murdas per fatala frakaso sian viktimon kaj prirabas lin forprenante de li ĉion: kredon, vivovolon. Por la murdo de la animo nia leĝaro ne havas paragrafon.

— Mi protestas, ke via suspekto . . .

— Vi eraras. Mi ne suspektas. Mi legas. Klare mi legas, kion la momento pro rekono de la krimfaro skribis sur la vizaĝon de vi ambaŭ. Jes, tie, en via timparalizata rigardo, kaj tie, sur ŝiaj konvulsie tordiĝantaj trajtoj estas la konfeso: ni mortigis lin, ni murdis lian animon — kaj la voĉo de kapitano eĥis plu en la aŭskultantoj kiel svingobruo de batanta vipo.

En la subita morna silento la ruĝungaj graciaj fingroj de la virino tremante malfermis la koverton kaj prenis el ĝi slipon. Ŝia rigardo fiksiĝis al la kelklinia teksto, poste aperis la unuaj larmogutoj en ŝiaj okuloj. Ŝia vizaĝo, al kiu la pudro kaj ŝminkaĵo mensogis junecon, subite dolore sulkiĝis. La orblonda koloro de ŝiaj haroj certe kaŝis jam griziĝintajn tufojn. Ne, ŝi ne estis bela. La naturan ĉarmon tegis tavolo de abunde ŝminkita mensoga farbo. El ŝia dekoltita bluzo ŝiaj mamoj, erotike tiklantaj la viran fantazion, preskaŭ ŝajnis elfali ĉiumomente. Ŝi similis al maljuniĝanta stratvirino.

La kapitano pensis pri tio, kion tiu viro povis ami en ŝi, se li ne povis vivi plu rezignante pri tia falsa beleco? Kion? Verŝajne li amis en ŝi la komune pasigitan sunbrilan pasintecon, la iaman 31-an de Marto, la mil efemerajn ĝojojn kaj dolorojn de la kune vivitaj deksep jaroj, tiun mozaikbildon, kiun la vivo faris en lia animo el la gestoj, voĉo, rideto, ploro, vortoj, movetoj de la virino . . . kaj tiun mozaikbildon, vane li penadis, li ne havis forton neniigi. Jam estas neeble pridemandi lin, ĉar li mutiĝis por ĉiam kaj lasis por ĝistomba soleco ankaŭ la virinon, kiun li amis eĉ en sia lasta penso. Jen ankaŭ ŝi restos senkunula eĉ tiam, se la hazardo indulge ĵetos kelkajn aventurojn sur ŝian vivovojon. Virino kun tia pasinteco povas ricevi de la Vivo — nur aventurojn.

Ŝia sorto jam respeguliĝas en la rigardo de la junulo mute konfesanta plenan seniluziiĝon. Tiu rigardo jam ekvidis la sulkojn, kiujn la okuloj de la edzo vidis neniam. Tiu rigardo jam parolas pri la verdikto, ĝermanta en lia korprofundo kaj vidas tiun malfeliĉulinon simpla erotikema ino, sopiranta je pli freŝa, pli juna virhomo. Ne longe ili restos kune. Inter ili ĉiam plialtiĝos la akuzo muta kaj en momento soleca la neglektita pasinteco reviviĝos ankaŭ en ŝia animo. Por torturi ŝin reaperos tia fantomo, kiun la estonteco aliformos vivanta mortinto. Iun tagon ŝi rekonsciiĝos pri tio, ke nur ŝia troa vantemo, la kredovolo pri ŝia beleco kaj dezirindeco kondukis ŝin al lito de fremda viro kaj trudis al ŝi la konkubinan rolon. Iun tagon ŝi pentos pri tiu nura simpatio, kiun ŝi mensogis „*panjo prizorgemo*“ kaj kio estis nenio alia ol atestoserĉo de la malsata vantemo, ke ŝi estas bela, ke ŝi havas ankoraŭ seksapelon, ke ŝi povas ankoraŭ konkeri novajn virojn kaj meritas de la vivo pli ol maljuniĝantan animparulon. Sed la malfrua pripento estos vana. Teruran prezon ŝi pagos por la plezuroj de la efemeraj horoj kaj havos la saman sorton, kian havis ŝia viktimo. En tiu ĉi momento la kapitano kompatas ŝin pli ol tiun, kiu jam faris punkton ĉe la fino de siaj suferoj. Ŝin li kom-

patas kaj ... li rekonas la pravon de la foririnto.

La virino faligis la leteron el ŝiaj manoj. Ŝiaj larmoj ruliĝas kaj faras kanalstrietojn sur ŝiaj pudrumitaj vangoj. Ŝiaj lipoj tremas kaj pene raŭkvoĉe ŝi provas ekparoli.

— Mi ne ... ne tion ... ne tiel ... Kion diri? Mi ja amis, amis lin — kaj nun ŝi preskaŭ dolore veparolas sub la pezo de la plago —, ve! kial do? Jes, vere, kial? ... Foje mi diris ion al li ... Jes, kaj tiam estis ankoraŭ nenio ... vere nenio ... mi ja amis, amis lin ... nur poste, kiam min tre tedis la penado forgesigi tiun solan frazon, tiun fatalan momenton, kiam ... kiam ... Ne, mi ne povas paroli! Nun ne! Nun neeble!

— Nenecese, sinjorino! Mi scias la komencon kaj mi vidas la finon. — La rigardo de la kapitano iris ien preter la virino kaj matura amareco senkolerigis lian voĉon. — Mi scias, ke iun tagon li iom ŝerce ĵaluzadis kaj pridemandis vin kaj vi konfesis vian simpation, vian *panjan* prizorgemon al via juna kolego, kiu laŭaĝe ja povus esti via filo kaj tiam kaj tiel komenciĝis ... Ĉu?

— De kie vi ... — kaj ŝia rigardo esprimis mutan miron.

— Poste li petegis por indulgo ... li skizis feruran bildon pri la estonteco kaj ĉiutage akuzis vin pri agado, pri perfido, ankoraŭ ne okazinta ... Ĉio tedis vin, en ĉio vi vidis nur la ofenditan viran vantecon kaj samtempe vi sopiris je nekonataj ĉirkaŭprenoj... Tiel estis ... Vi ŝanĝis frizajon, uzis pli da ŝminko, imitis la printempan junecon kaj kuraĝigis tiun junulon por konvinkiĝi pri la efiko de viaj artifikoj, utiligis la spertojn de virino kaj iun tagon la panja prizorgemo, via reto, kaptis vian oran fiŝeton kaj vi perdis vian edzinan honeston ... Tiel okazis, mi scias... Poste por trankviligi vian konsciencon, vi mensogis plu la amon al via maljuniĝanta edzo ... Vi volis konservi la ŝajnon, sed li divenis ĉion, eĉ surprizis vin ambaŭ ... Tiel estis! Ĉu?

La virino ne respondis. Ŝi, kvazaŭ paralizite rigardis al la vizaĝo, al la okuloj de la kapitano. Teruro tamburis en ŝia koro. Momente ŝajnis al ŝi, ke liaj trajtoj prenas similecon al tiuj de ŝia edzo kaj la edza rigardo profundiĝas al la nesto de ŝiaj sekretoj. Ŝi volis senkulpigi sin.

— Nenecese, ke vi rakontu tion, kion mi ne konas. Mi scias, ke de tiu momento via edzo portis nekuraceblan vundon en sia animo kaj kvankam li idoligis vin en sia amo ...

— Jes, jen la vero! — ŝi ekkrie komencis paroli. — Li faris idolon el mi, eraremа virino, li levis min al piedestalo de sanktulino, li kvazaŭ peke adoris min kaj ...

— Mensogo! Mensogo de kulpulino! Ne li, sed via pli frua amo, viaj edzinaj delikataĵoj, via honesteco kaj fidela solidareco en la bataloj dum deksep jaroj faris idolon, altarbildon el vi ... Eble iun tagon vin tedis jam tiu alteco, kien *vi* levis *vin mem* per viaj ecoj kaj agoj, kaj vi sopiris al la koto ... Jen vi havas ĝin! — la okuloj de la kapitano fulme ekbrilis, en lia voĉo tremis la senpova venĝemo, kvazaŭ li forgesus pri ĉio, kio estas ĉirkaŭ li kaj kvazaŭ serpente li volus mordi ŝian koron, taŭzi ŝian animon, li sible ĵetis la vortojn al ŝi. — Vi, bibliema hipokritulino,, kiu jam antaŭ ol murdi, morte vundi la animon de via, vin ameganta edzo, zorge studis tiun biblion, kuŝantan tie sub la krucifikso sur la ŝranketo apud tiu lito, por trovi pledon, por profane legi defendon el la evangelio por vi, por via fiago. Vi, kun via fremdiĝinta animo, kompreneble ne povis plu havi amon, kompaton al tiu, kiu ĝistombe, ĝis memmortigo amis vin. Sciu do, ke ne senkulpigas vin la aserto, ke *li* faris idolon el vi, ĉar vi estis idolo, farita de *vi mem* kaj forpuŝita de la piedestalo same de *vi!*

Akra terurkrio puŝiĝis el la lipoj de la virino kaj samtempe averte delikate peziĝis mano sur la ŝultron de la kapitano. La mano de la kuracistmajoro.

Dum la longminuta silento la mieno de la kapitano disciplinite rigidiĝis. Li ekregis sian emocion, klinis sin super la notojn de la protokolo. La virino duonlaŭte ekploris; kvazaŭ rompite en siaj tuta korpo kaj animo ŝi ekparolis lace, rezigne, inerte.

— Vi pravas ... Eble li rakontis al vi ĉion ... eble vi divenis kaj bone divenis ... Jes, li amis min, ho eĉ kiel! Indulge li pardonis ĉion al mi, mi estis la suvereno de lia animo. Ni havis belan homan vivon eĉ dum

# MALNOVAJ SONETOJ

L. TÁRKONY

## LIBERIĜO

Nur mi mem estis al mi la celo ununura;
mi, sklavo mia propra, sole min mem adoris,
en mondspegul' la propran vizaĝon mi esploris
kiel Narcis' revanta en nenifaro lula.

En ĉiu am' mi serĉis pri nova bild' spegula,
sed blindis la speguloj: ja ĉiu am' forfloris.
Kaj sentis mi, ke l' solo min preskaŭ ekstrangolis
kaj ke sopirojn miajn forglutis sablo kura.

Kaj ŝajnis jam ke ĉio estas forperdiĝinta,
ke mia vort' seneha, mia rigardo blinda
dronas en sian solon. Kaj tiam, malespere,

falonta en abismon, spegule mi elektis
mian animon propran: kaj jen ĝi vin reflektis
kaj tra vi *min* mi trovis, sed savite, libere!

## SEKRETO

Beate sur la kampo mi kuŝas longajn horojn,
kun milda, mola mano la karesanta suno
tikladas mian haŭton, kaj la printempa humo
al mia nazo sendas freŝajn, virgajn odorojn.

Inter ĉi tiuj briloj, parfumoj kaj koloroj
pri vi mi pensas, kara, pri via bel' kaj juno,
pri nia am' mi volus rakonti al la lumo,
al herboj, al la vento kaj al la buntaj floroj.

Sed estas babilemaj la floro, herb' kaj vento:
do pri nia sekreto mi restas en silento,
gardante ĝin en fundo de mia koro ama.

Kaj dum mi tiel volus ĝin kaŝi antaŭ l'mondo:
Ĝi tra l'okuloj brulas kun tia ardo flama,
ke ĉio pri ĝi klaĉas en valo kaj sur monto!

## SOPIRO

Mi volus vin forporti el ĉi mem-murda Nordo
al flama Sudo, kie plibluas la lazuro,
pliardas sun' kaj estas la vivo nur plezuro
kaj la Feliĉ' mansvingas el fea insulbordo.

Foren de ĉi frenezo, mizero kaj mis-ordo
ni fuĝus, par' feliĉa, kaj en beata apudo
ni marŝus brakoplekte, en hont-nekona nudo
kaj ludus nian amon sur ĝemel-ritma kordo...

Sur rokopint' ni kuŝus ĉe rand' de golf' lazura,
viajn genuojn belajn per muta kis' mi tuŝus,
kaj amus vin kaj kisus kaj longe-longe kuŝus,

Dum la subira suno kun vang' violpurpura
ekdronus en la akvon kaj en la nokt' sinsterna
al niaj koroj kantus la ocean' eterna.

## RENKONTO

Sur kaj', kie mi vagas en revado dolora,
la nokto jam descendas de l'nigriĝantaj montoj,
brakumaj paroj iras al ŝtelaj am-renkontoj,
dum vibrajn lampojn lulas riverspegulo mola.

Por fuĝi ilian svarmon sur borda blok' izola
sidiĝas mi kaj gapas al la kurantaj ondoj,
en foro feas pompo de l'fosforeskaj pontoj,
en kor' soleco kavas kaj tristo senkonsola.

Eble en sama horo vi same sola iras
sur fora riverbordo, inter ŝancelaj heloj
kaj ek-ekhaltas reve kaj foje eksuspiras,

kaj batas niaj koroj, ĉi samritmaj ĝemeloj,
dum supre, en la alto, gardante nin albrilas
la samaj mutaj, mildaj kaj kompatemaj steloj.

---

la plej kruelaj tempoj de la milito. Ĉiu enviis lin pro mi kaj min pro li. Li estis fiera pri mi, ĉar mi estis la perfekta edzino por li, la didonita vivkunulino kaj ... Ĉu estis inde al li tiel puni min, tiel terure puni? Ne! Ne! Neinde, nehome li frapis min ... Kaj kion fari nun? ... Mi amis lin, je la sankta kruco mi ĵuras, ke mi ne ĉesis ami lin . .

— Ne juru, sinjorino! Malfrua pento, eĉ ĵure firmigita, ne povas revivigi lin ... Ĉu vi permesas, sinjorino, ke mi legu lian leteron?

# MALNOVAJ SONETOJ

I. TÁRKONY

## MANĜIGIS VI KOLOMBOJN . . .

Kaj nun la bild', sur kiu kolombojn vi manĝigas:
ĝi montras vin ĝis kokso kaj el duonprofilo,
vi la donacajn manojn flirtigas kun gracilo,
dum la mol-karnan panon plezure vi prodigas.

Kaj via fajna kapo: kiel marmoro greka!
Invitas viaj haroj al virga lipo-tuŝo,
ridet' silenta ludas sur via milda buŝo,
kaj kaptas mian koron softa sopir' senpeka...

Malnovaj domoj staras sur la bildeto, fone,
pri kiuj vi, ho mia dolĉ-buŝa, ĉiĉerone
rakontis, tiel arde, kun tia am' fiera:

ho, ĉu indulgis ilin la kruel-pugnaj bomboj?
Sed spite bombojn, tombojn, en mia kor' fidela
la lok' eternas, kie manĝigis vi kolombojn!

## MEMORO

Dimanĉa posttagmezo. La obtuza, malpreciza
dom-bruo formortadas en la silent' kaj solo.
La babilema, bunta bona libro-popolo
nun kuŝas mute, pigre kaj kun humoro misa.

La laca skribmaŝino kun la aspekto ftiza
ŝajnas spiteme striki pri ajna eklaboro.
Tik-takas la horloĝo sen halto kaj sen koro,
De lama pied' de l' horoj descendas polvo griza.

Surbrilas vian bildon la lamp' per muta
mildo:
sur ĝi viaj okuloj virgece, pure bluas,
kaj kiel orrivero via harar' ekfluas.

Viviĝas jen la griza kaj eluzita bildo,
muzikas viaj lipoj kaj jen en mia koro
tremas neelŝirebla ponard': via memoro.

## AUTUNA SUNRADIO

Mi hejmeniris reve el la laboro teda.
Ĉagrenoj bagatelaj, malagrablaĵoj nanaj
survoje al mi estis kunuloj akompanaj,
de morna mishumoro la kor' estis graveda.

Eĉ la ĉielo cedis al la malgaj' obseda:
el nuboj monotonaj faladis lantaj, lamaj
pluv-gutoj, stumble dancaj kaj plumbaj kaj malsanaj,
nebul' kaj vento luktis super la urbo preda.

Kaj dum mi piedojn trenis sur kota strat' aŭtuna,
kaj en la cerbo blinde vibris la penso laca
kaj portis mi la koron pezan sub ĉielo basa:

pri viaj silkaj haroj memoro ora, luma
rebrilis en l'animo, sed jam fuĝanta, pasa,
kiel flugilrompita, trema radio suna.

## KREPUSKO

La ĉambron tra l' fenestro krepusk' ondante inundas,
l' anguloj en la ombron dronas kun pigra cedo,
kaj dum denove sian regnon la nokto fondas,
silenta sol' envolvas min per magia reto.

Jen horo de la tago, kiam la trist' profundas
kaj la memor' per sorĉa bastono de magneto
la koron, ektuŝante, per morta vundo vundas,
ke al la dolor' ĝi iĝu facila, preta predo.

Ho ĉiam soli, soli kaj sidi en ĉambro bruna,
rigardi al la ludo de lumo kaj de ombro,
revante rememori pri foro, sola tombo,

dum glaciiĝas lante la frosta kor' sensuna,
dum la esperojn tardajn torpora tristo jugas
kaj per flugiloj velkaj plorante ili forflugas.

---

La virino per apatia kapjeso donis konsenton. La kapitano relevis la faligitan leteron kaj ne laŭte, nur perokule legis ĝin.

*„Edzinet', mia amata, mi dankas al vi pro la feliĉaj jaroj kune vivitaj. Pardonu, ke mi maljuniĝis pli frue ol vi kaj mi ne povis toleri plu la kompromisan solvon de via kora problemo. Sunbrilaj jaroj forgesiĝu ĉe vi la ombron de via, ĝistombe vin amanta edzo."*

— Malfeliĉulo, multe li suferis. Ĵurnalisto li estis. Pensema homo, al kiu Dio donacis animon por puni lin . . . Trankviliĝu, sinjorino! Jen la vivo . . . Ĉiutaga okazaĵo, sen

# AKUŜO SUR LA INSULO „KUKURBO“

## B. GORBATOV

Malfeliĉo trafis sur la insulon „Kukurbo“. Ĉi tiu soleca insulo situas tre malproksime en la polusa maro. Vane vi serĉus ĝin sur la mapo sub tia nomo: ĉi tiu eta-eta punkto estas nomata geografie tute alie, kaj havas nomon harmonian, eĉ poezian. Sed la radio-telegrafistoj polusaj ĝin obstine nomas insulo „Kukurbo“; kaj provu ilin de tio forpersvadi! Tiuj radiistoj estas mokema popolo! Certe, ili devas enui en siaj kabinoj.

Cetere, tiu nomo estas bizara aludo al ĝia historio. La insulon oni malkovris antaŭ nelonge, kaj la ĉefo de la ekspedicio donis pri ĝi priskribon audace figuran (la glaciaro tiu urĝis, ĉar ĝi malkvietige refermiĝis ĉirkaŭ la glacirompa ŝipo). Li subiteme skribis sian raporton, en kiu li menciis: „La insuleto, kiun ni ĵus malkovris, havas la formon de kukurbo.“ Kaj la radiistoj — nenio povas pasi preter iliaj manoj — baptis tiun novenaskitan fratineton de la polusaj insuloj: — insulo Kukurbo.

Tiu insuleto baldaŭ akiris ne malgrandan signifon; ĝi troviĝis tiel malproksime! La esploristoj frotis al si manojn: nun do — ili diris —, ni povos atingi multe pli proksimen al la sekretoj de la polusa oceano. La meteorologoj elpuŝis suspiron de senpeziĝo: ree unu forno en ilia kuirejo de sinoptikoj. La junaj polus-esploristoj pensis pri la insulo „Kukurbo“ kiel pri fianĉino. Ili revis pri ĝiaj ĉarmoj, kaj ne povas esti tia bravaĵo, kiun ili ne estus pretaj fari por ĝin konkeri. Ili diris malŝate: „Kio ja estas Dixon, Tiksi, Ĉeliuskis? Tiuj jam estas konkeritaj. Tie ni estas kiel hejme, dum tie-fore ...“ Kaj ili aldonis per emocia flustro: „Pensu ja! La sepdekoka grado ...“

Poste, tiu tero kun formo de kukurbo iĝis loĝata. Apud la grandegaj postsignoj de urso, rondaj kiel lavujoj, sur la neĝo aperis atestaĵoj pri ĉeesto de homoj. Leviĝis konstruaĵoj. Ridoj disflugis super la glaciaro, voĉoj viraj kaj virinaj. Kaj tiuj homoj jam eniĝis en la trenon de la proza vivo, kun la kafo bolanta en la kafujo el polurita kupro, kun siaj ĝojoj kaj ĉagrenoj, kun siaj malkvietoj, kaj kun siaj vesperoj pasigitaj apud ŝaktabulo ... Poste alvenis malfeliĉo. Aŭ pli ĝuste feliĉo. Jes ja, feliĉo! Tio estas: oni ankoraŭ ne sciis, kian turnon ĝi prenos. Temis pri virino, kiu elpuŝis kriojn terurajn, kriojn, en kiuj nenio homa plu estis, dum unu granda pala homo, kun manoj tremantaj de senpovo, sin tenis en ŝia proksimo, kaj grandaj gutoj de ŝvito ruliĝis de lia frunto.

Eraras, kiuj opinias, ke sur la foraj insuloj de la Sovjetia Arkto la homoj vivas izolite, ne sciante, kio okazas ĉe iliaj najbaroj. Vere estas, ke tre ofte tiuj najbaroj, kaj la

---

dependa de tagoj kaj monatoj. Estas, kiun la Marto, kaj estas, kiun la Decembro forportos kun si ... Nur ploru! En larmoj solviĝas la doloro ... Eble tio estis lia fatalo, ke li ne havis larmojn, nur gorĝsufokan, animmuelan suferon ... Nun jam ĉio silentiĝis; ankaŭ li, ankaŭ liaj doloroj, kaj, sinjorino, pardonu al li, ke pro sia ofendita egoismo li rifuĝis for el la vivo ĉelperdinta por li. Jam estas pli facile al li. Vi jam neniam estus povinta resanigi lian vundon. Li havis kanceron de animo. Nekuracebla malsano ĝi estas.

La voĉo de la kapitano ektremis pro kaŝata emocio. Lia rigardo vagis for ien en la malproksimon, trans la ĉambromurojn, trans la minutojn. La kuracistmajoro kaj la detektivo mire rimarkis, kiel strange li kondutas, kiel ne oficialulo, sed simpla civilo, kiu apenaŭ povas regi siajn sentojn. La detektivo rimarkis nur la tremeton de lia voĉo kaj la retenitajn larmojn, sed la maljuna kuracistmajoro sentis, ke ie profunde kaŝiĝas la kaŭzo kaj ne la nuna tragedio emociis lin.

La policano paŝis en la ĉambron por raporti, ke la kadavroportistoj alvenis.

— Nu, sinjoro doktoro, ĉu ni estas pretaj?

— Jes, ĝi estas transportebla.

*(Fino sekvos.)*

insuloj mem, estas disigitaj de miloj da kilometroj, kaj kiaj kilometroj! Jes, sed ekzistas la radiotelegrafistoj! Dank' al ili la tuta Arkto eksciis, ke sur la insulo „Kukurbo", tiel proksime, virino naskas en doloro novan civitanon. La tuta popolo de la Arkto spiregante sekvis la pasadon de tiu nasko, kvazaŭ ĉiuj ĉi homoj krudaj kaj bravaj: ministoj de Nordvik, scienculoj de Ĉeliuskin, radiistoj de Dixon, havenkonstruantoj de Tiksi, travintrantoj de Bieli, sin trovus tie, apud la lito de la akuŝantino, retenante sian tuson, timante fari eĉ unu movon, atendante la naskiĝon de tiu eta mondcivitano, por aŭdi ties unuan krion ordonan, kaj ĝin saluti per dolĉa patra rideto.

— Nu do? Nu do? — oni demandis matene, tagmeze kaj vespere el ĉiu posteno de travintrado.

Sed la virino plue kriegis, ŝiaj ĝemoj ŝajnis disjetiĝi tra la tuta Arkto. Ŝia edzo, senpova kiel ĉiuj viroj inter similaj cirkonstancoj, faris nenion krom plori; la kuracisto, nekapabla ŝin helpi, ekscitiĝis, perdis la regon super siaj nervoj. La kompatinda homo ne estis akuŝigisto, kaj krome la kazo estis io escepta: la prezentiĝo de la infano estis malbona.

La senfadena poŝto de la insulo „Kukurbo" sendis tiutage radiogramon malesperan.

„Helpon! Helpon!" — radiografis la edzo. — „Faru ĉion eblan, savu la patrinon, la infanon!"

Kion oni povis fari? La radiotelegrafisto, kiu ricevis la radiogramon, faris mienon de kompato, demetis siajn aŭskultilojn kaj iris serĉi sian ĉefon. Kion do oni povus fari? Temis pri virino . . . pri infano . . .

La ĉefo kaj la organizisto de la Partio pripensadis. Kiel helpi tiun akuŝantinon? Ĉu iri tien? Eĉ unu aeroplano ne troviĝis en la travintrejo. Estis plena vintro. Polusa nokto. Ĉu oni povus atingi tien. La organizisto da la Partio malsereniĝis, kaj li iris serĉi la mediciniston de la hospitalo.

Tiu ĉi havis la nomon Sergej Matveiĉ. Kion diri pri li? Li estis medicinisto ordinara, da kiaj ekzistas miloj, unu el tiuj maljunaj medicinistoj hospitalaj, kiujn nenio retimigas. Ili palpas vian pulson indiferente, ili lanĉas siajn maljunajn ŝercojn, kvazaŭ ili ne devus tuj fari operacion, sed partoprenus tute simple en agrabla konversacio, gustumante tason da teo. Ankaŭ lia eksteraĵo estis el la plej ordinaraj: konsiderinda graseco, grandegaj ruĝaj manoj, veraj manoj de buĉisto-kirurgo; grasa bonvola voĉo; deca kalvo, kiun kaŝkis maldika buklo de haroj; okulvitroj en nigra ujo. Liaj vestoj, liaj manoj, ĉio estis saturita de odoro de fenolo, de medikamentoj, de hospitalo. Mallonge: eksteraĵo konforma al medicinisto. Vidante en la manĝejo Sergejon Matveiĉ en lia uniformo kun ankroj surbroditaj sur lia marista jako, oni demandis nevole: „Kiel tio venis sur lin? Kial li ne portas sian civilveston?"

Unu afero estis ĉe li eksterordinara: li estis tro . . . ordinara por esti medicinisto de la Arkto. Tamen ja, medicinisto de la Arkto, tio estas, ĉu oni volas aŭ ne, romantika figuro. Jetu nur unu rigardon sur la mapon! Inter la nomoj de la polus-esploristoj, kies memoro estas zorge konservita sur tiu elekventa karto, vi trovos la nomojn de medicinistoj:

## PRINTEMP' VI ESTAS!

Printemp' vi estas ja! Sur ĉiu vango
Ja ĉe vi freŝe puncas roz' gracia,
Kaj ruĝas lipe la papava sango,
Kaj blankas la dentar' lilia.

Kaj kio povus esti via ĉarma,
Sveltforma trunk', ol suka tig' de floro?
Kaj via spiro — jen zefiro varma!
Kaj via voĉ' — birdetsonoro!

Radias via suna okulparo
Printempan brilon el la ardprofundo!
Kaj via ŝvela kaj densa hararo —
Jen la printempa kresk-abundo!

Kaj en la sonĝe belaj ĝu-minutoj,
Dum florajn viajn lipojn laŭ abelo
Mi suĉas — ĉu ne sorbas mi la gutojn
De freŝa ros' kaj dolĉa mielo?

Degele mortas en via proksimo
La frosta splen' kaj ĉiu sent' amara,
Kaj varma rav' nur regas en l' animo,
Ĉar mem printemp' vi estas, kara!

*Bojidar Vančik*

insulo de doktoro Starokadomski, terkapo de doktoro Isaĉenko. Sur la insulo Dixon ĉiu montros al vi la tombon de la flegisto Vladimirov, modesta heroo de la Nordo, kaj vi klinos vin respekte antaŭ lia tombo el griza lafa roko.

Sed Sergej Matveiĉ estis tiel malmulte romantika, ke tio estis malesperiga. Ordinara proza medicinisto. Neniom li similis ankaŭ al la bravaj ŝipmedicinistoj, kutimiĝintaj al frosto, al tempestoj, al tangado kaj rulado de ŝipo, al la konserv-nutraĵo kaj al la sala aero de la oceano. Ĉu li estis eble medicin-esploristo, scienculo?

De kelka tempo la medicinistoj sin dediĉintaj al sciencaj esploroj volonte iras al la Arkto. Biologoj, iom zoologoj kaj botanistoj, la unuj kolektas etajn krustulojn, strangajn amfibiojn, lacertojn, kaj portas sur la kontinenton tiun kaptaĵon konservitan en alkoholo;; la aliaj sternas sur folio de sia herbario salikon nanan, kiu kun siaj radikoj kaj kun sia „branĉkrono" estas tenebla sur manplato; la aliaj studas la malsanojn, kiujn estigas la polusaj kondiĉoj, la konduton de la homoj, ilian psikan staton, la influon de la klimato, la eblajn malsanojn infektajn, la infuon de l' noktoj kaj tagoj polusaj al la homoj.

Sed Sergej Matveiĉ ne brogis etajn krustulojn en alkoholo, nek sekigis likenojn, kaj mi kredas, ke li eĉ ne notis en sia taglibro „la etajn kuriozajn faktojn de sia medicina praktiko". Cetere, tion li provis, sed la tempo al li mankis. Liaj malsanuloj. La zorgoj. La hospitalo. Estas klare, ke la scienco ne estos riĉigita per malkovroj de li faritaj dum lia travintrado.

Sur la ŝipo, kiu lin portis en la arktajn regionojn, la juna scienculo Modorov, kiu okupiĝis pri tera magnetismo, unu el tiuj sindonaj entuziasmuloj de la scienco, kies fervoro ekardis precipe dum la travintradoj, alpaŝis iutage al la medicinisto kaj diris al li ĝoje ridetante:

— Mi kaptis vian ideon, jes, perfekte. Kaj vian vidpunkton koncerne nin, la travintrantojn. Ni estas en viaj okuloj kobajoj, pri kiuj vi intencas fari observojn, ĉu ne? Palpi nian pulson antaŭ kaj post la ekmoviĝo de la ekipaĵo, aŭskulti nian koron dum la polusaj noktoj kaj poste. Kaj fine vi skribos pri tio sciencan verkon? Jen la afero, ĉu ne? Mi estas tre feliĉa, doktoro, servi al vi kiel kobajo.

Sergej Matveiĉ, siavice, ĵetis teruritan rigardon, embarasiĝis, kaj respondis, ke fakte li entreprenis ion tiaspecan; samtempe li faris geston tiel malcertan, klakante per la fingroj, ke Modorov kaj ĉiuj aliaj „kobajoj" ne riskis plu demandi lin pri liaj sciencaj laboroj. Oni ĵurus, ke li iris tien malproksimen kun la unika celo, zorgi pri la homoj, se tiuj malsaniĝos, akuŝigi virinojn, eltiri dentojn kaj operacii apendicitojn.

Ĉio ĉi postulis hospitalon, ĉar medicinisto sen hospitalo „tio estas, mia knabo, kiel Kolumbo sen ŝipo". Kaj la hospitalo, kiun li volis havi, devis esti ne ia ajn, ĝi devis esti bone instalita, ĉar, ĉu tio okazas en la ekstrema nordo, ĉu aliloke, se iu malsaniĝas, tiu devas esti bone flegata. Jen kial dum la malŝarĝado de la ŝipo li portis mem sur sia dorso la kestojn de l'instalaĵo, kaj kiam oni volis al li doni helpon, li ekkriis grumble:

— Atenton! atenton! Nenion rompu! Ĝi estas rompiĝema.

Sergej Matveiĉ segis, rabotis, fabrikante etajn tabulojn, fervorante apud la lignaĵistoj; li eĉ mem ŝmiris la emajlofarbon sur la murojn, najlis linoleumon sur la plankon. La brakoj estis ne sufiĉaj, kaj la bezono estis granda. Ne malproksime de la hospitalo oni konstruis poŝtejon de radiotelegrafio. Eksplodoj tondris en la haveno; tie oni faris karbo-stacion. Tio ĉi okazis en mil-naŭcent-tridek-kvar, historia jaro por la Arkto, kiam konstruaĵoj, havenoj, laborejoj, kolonioj, minoj elkreskis sur la dezerta bordregiono de la Glacia Oceano, kvazaŭ sub ringo de sorĉisto, inter la rokoj vulkanaj.

Kaj ankaŭ hospitalo estis konstruita. Ĝi estis malgranda: sole kvin litoj, sed tio estis sufiĉa. Ĝi estis instalita kiel la veraj hospitaloj, en kiuj Sergej Matveiĉ maljuniĝis, kalviĝis, saturiĝis per la odoro de fenolo kaj jodtinturo. Estis la samaj muroj kun la brile blanka pentro, estis eĉ la sama fajrerado de l' nikelaj instrumentoj en la sunlumo, estis la sama malgranda vitra ŝranko kun la etiketoj sur la folioj. Kaj la sama pureco! Kaj la sama odoro de fenolo! Malsanuloj alvenis.

Precipe virinoj. Ili venis de siaj malproksimaj laborlokoj unu monaton, eĉ du monatojn antaŭ la naskotempo, trapasinte centojn da kilometroj sur veturiloj trenataj de hundoj; ili vivis inter la travintrantoj, ĉirkaŭate de la prizorgo de ties edzinoj, kiuj ne povis resti indiferentaj pri tia evento, kia la nasko. Venis ankaŭ viroj, suferantaj je hernio, je apendicito, aŭ je frostintaj fingroj, aŭ kun vundoj, kun dento-doloro. Sergej Matveiĉ praktikis la dentistan arton, — faris eĉ plombadon; kaj kiuj ne havis tempon sin kuracigi per dentisto sur la kontinento, tiuj sin turnis al lia kuraco. Plej ofte li diris:

— Eh, mia knabo! Ni vidu, kial do gardi ĉi tiun malbonan denton? Lasu al mi fari, tuj mi al vi . . . jes, mi jam scias . . .

Por plifortigi la kuraĝon de la paciento, li glutigis al li tridek gramojn da brando antaŭ la eltiro de dento. Tio estis tradicio. Sed poste, Sergej Matveiĉ rimarkis, ke oni lin trompas. La pacientoj glutis la alkoholon, kaj post tio rifuzis lasi eltiri la denton. „Vi scias, doktoro" — ili diris — „ĝi ne plu doloras. Ni prokrastu por alifoje." De tiam li donis al ili la brandon nur post la operacio.

Kirurgo laŭ profesio, laŭ temperamento kaj la karaktero, li ĉiam insistis pri kirurgia interveno; la travintrantoj eĉ diris pri li šerce, ke li tuj estas animata, kiam temas pri „buĉado" de iu.

„Oni donos al vi kelkajn tranĉojn de bisturio, mia knabo, kaj vi tuj malpeziĝos. Jen, estas farite, vidu, jen via ve-ve-o."

Li estis tre malkonfida pri la internaj malsanoj.

„Tiu tuta terapeŭtiko, tio estas plago de Dio. Kial vi bezonus suferi de ĝi, mia knabo? Tia stultaĵo!" Li konsilis: „Lasu efiki la naturon. La naturo estas tre saĝa. Tio pasos . . . La klimato tie ĉi estas mirinda. Klimato tre saniga, jes ja!"

Oni alprenis la kutimon: ĉiutage dum la tagmanĝo iu lanĉis de la fino de la tablo:

— Doktoro, la kapo al mi doloras hodiaŭ. Tio pasos, ĉu ne?

— Jes, mia knabo, tio pasos, tio pasos . . . — respondis la medicinisto kun konvinkiĝo.

Tia estis Sergej Matveiĉ, nia tiel ordinara doktoro. Kaj se estis en li io nekomprenebla,

## ORA BOSKO

Kia sorĉ' en bosko, kia rava bel'!
Tuŝis verdajn frondojn sorĉa man' aŭtuna,
Kaj foliar' jus verda — nun jam oro bruna!
Kia riĉ' kaj pompo, luks' de mirfabel'!

Pace oras frondoj kaj tapiŝoj de l'
Padoj boskaj en la orabundo suna . . .
Sed foj-foje for ĉi pac': en trist' komuna,
Per orpluv' eklarmas l'arboj kun ŝancel'

Plenda de l'orvestaj branĉoj — ĉar ekblovas
Morna vent — kaj sube ne plu en kviet'
Sternas sin la mutaj ortapiŝoj, sed

Orajn larmtorentojn vento rule ŝovas
Laŭ la padoj. — kaj la tuta boska or'
Plendsusuras kanton de la morthoror!

*Bojidar Vanĉik*

---

tio estis la celo de lia vojaĝo en la polusregionoj.

Li, verdire, tute ne konis la Arkton, lia rondiro estis: hospitalo, manĝejo, loĝejoj de travintrantoj, hospitalo . . . Li havis la intencon iri ĉasi, sed neniam efektivigis tiun projekton. Li volis fari rondvojaĝon al la dometoj de la fiŝkaptistoj; sed neniu troviĝis por lin anstataŭi en la hospitalo, kie la akuŝoj sin sekvis unu post la alia (mirinde, kiel la naskoj plimultiĝis en la Arkto!), kaj tiun rondvojaĝon faris lia asistanto. Sole unufoje, en aŭtuno, en la tempo kiam la belugodelfenoj trapasas, la medicinisto akompanis la junularon ĝis la fiŝadejoj, sed tie li nur ĝenis, glitis en la akvon kaj preskaŭ dronigis la retojn; ĝisflue malseka de akvo, tre feliĉa li atingis la bordon. Kiam la belugoj estis portitaj sur la bordon, Sergej Matveiĉ, ĉirkaŭata de preskaŭ ĉiuj travintrantoj, malfermis la ventron de unu el tiuj cetacoj. „por vidi, ĉu la belugo ne havis apendiciton", diris ridante la junuloj. Li operaciis per lerta mano, kaj montris al la ĉeestantoj la pulmon kaj la stomakon de la mara besto. „Ĝiaj organoj tre similas al tiuj de la homo, vi scias."

Oni lin atente aŭskultis, kvankam li suferis je eksterordinara prononc-difekto; kiam li devis paroli publike, li estis senhelpa kaj embarasita.

Iun vesperon, post la kafo, kiam milda varmo kaj aparta intimeco regis en la manĝejo, la specialisto de magnetismo sidiĝis ĉe la flanko de la medicinisto kaj diris al li:

— Mi esperas, Sergej Matveiĉ, ke vi ne ofendiĝos. Mi tre dezirus scii, kiacele vi venis al la Arkto?

Embarasita, Sergej Matveiĉ faris evitan geston per la brakoj.

— Kiel diri al vi, mia knabo — li balbutis. — Oni ripetadis ĉirkaŭ mi: la Arkto, la Arkto... Mi diris al mi: kaj se mi, ankaŭ mi irus tien. Mi ne estas maljuna. Kia vi trovas min: ĉu ne, mi ne estas ankoraŭ maljuna? — Li tordis siajn lipharojn kun gesto vireca. — Kaj poste, al nia hospitalo venis kuracisto, li revenis el la nordo, li parolis pri ĝi kun tia entuziasmo: vasta agadkampo, li diris. Kazoj tiel interesaj... Kial ne iri tien, por tie labori. Ankaŭ mi estis en la milito... Oni vidis multe... Kaj poste... — li levis sur lian interparolanton siajn bluajn honestajn okulojn, kaj aldonis simple: — Kaj poste la materiaj kondiĉoj estas tre avantaĝaj. Post du jaroj tie ĉi pasigitaj mi estos posedanto de vera kapitalo, mia knabo. Mi intencas aĉeti dometon en la ĉirkaŭaĵo de Moskvo. Vi scias: eta ĝardeno... hamako... florbedoj... Mi adoras la tropeolojn. Kaj ankaŭ la mirflorojn sub mia fenestro.

Post tiu interparolo la medicinisto ŝajnis ankoraŭ pli enuiga kaj pli proza al ĉiu.

Sed kiel ajn ordinara kaj proza li estis kun siaj grandaj ruĝaj manoj, kun sia ventro elstaranta sub la bluzo, kun la odoro de fenolo kaj jodo, kiu haladzis el li, tamen li estis la sola homo inter la travintrantoj, kiu povis savi la virinon akuŝantan sur la insulo „Kukurbo", kvankam oni ne tro sciis, kiel li povus tion fari.

La organizisto de la Partio, kiun oni nomis Vasja, trovis Sergejon Matveiĉ en la hospitalo, kaj sin enfermis kun li en lia ĉambro.

— Oni devas ŝin helpi — li deklaris, levante la okulojn lacajn sur la doktoron.

— Pardonon, pardonon, mia knabo — ekmiris Sergej Matveiĉ. — Vi parolas pri tio, ke oni portu al ŝi helpon. Alvenigu vian malsanulinon. Tiam, tre volonte. Sed mi ja ne povas akuŝigi virinon, kiu troviĝas... senkulpigu min... hm, hm... iuloke en la spaco.

— Sed oni tamen devas ŝin helpi, doktoro — ripetis obstine la organizisto de la Partio.

— Vi estas vere mirinda, fakte! — ekkriis la medicinisto rid-eksplode. Li eĉ klakis per la fingroj. — Donu al mi brakojn kun la longo de mil kilometroj, por ke mi povu ilin etendi... hm... ĝis la lito de la malsanulino. Donu al mi, mia knabo, okulojn teleskopajn... hm, hm... por ke mi vidu tra distanco de milo da kilometroj, kaj mi estas preta, jes, mi estas preta.

— Ni donos al vi la manojn kaj la okulojn, kiujn vi deziras — respondis la organizisto de la Partio. — Kaj tiam...

— Mi ne komprenas vin, mia knabo. Pri kiaj manoj kaj pri kiaj okuloj vi parolas?

— Pri la senfadena telegrafio, kiu vin informos pri la stato de la malsanulino kaj pri la prezentiĝo de la infano, kaj vi,... kiel diri ... vi komandos la tuton!

La konsternita doktoro longe rigardis la organiziston de la Partio, sen diro de vorto. Poste li demandis duonvoĉe:

— Ĉu serioza, kion vi diras nun al mi?

— Kiel eble plej serioza. Ne ekzistas alia rimedo.

Sergej Matveiĉ strariĝis, surmetis sian bluzon kaj direktis sin kun decida paŝo al la eliro.

— Ni iru al la malsanulino — li diris. Poste li haltis: — Por kio mi bezonas mian bluzon? Bone, ne gravas. Kiaj kuriozaj aferoj, mia knabo, okazas en la mondo. La unua kazo en mia praktiko.... hm... Akuŝo *in absentia*... Akuŝo senfadena... Mi imagas al mi la miron de miaj kolegoj. Sed ne grave. Venu.

La insulo Kukurbo estis vokita al la aparato. La radiotelegrafisto deĵoranta avertis ĉiujn polusajn postenojn: „Ĉar tiu ĉi posteno estos en seninterrompa interrilato kun la insulo Kukurbo, la rilato kun ĉiuj aliaj postenoj estos provizore tranĉita ĝis... la fino de la akuŝo."

Ĉio ŝajnis morta. Silento ekregis en la etero. Retenante la spiron, la popolo de la Arkto sekvis la marŝon de la akuŝo tie-fore, sur la malproksima insulo Kukurbo. Sergej Matveiĉ iris al la aparato.

— Nu do — li diris, metinte la manojn en la zonon de sia bluzo, poste li restis staranta tie senhelpe.

Li preskaŭ demandis laŭ sia kutimo: „Nu do, kiel vi fartas, malsanulino??“, sed li ekkonsciis, ke li nun ne estas ĝuste ĉe l'kapkuseno de la paciento, ke tie estas nenio krom la malpleno. — La etero. Entute... hm.... la spaco.

Estis videble, ke li ne estas en sia medio. Tio ne estis plu la ordinara agosfero, en kiu li kutimis labori, kaj kiu al li donis la necesan trankvilon. Li devus vidi la virinon en penoj, aŭdi ŝiajn ĝemojn, ŝiajn petegojn, kompati ŝin el kutimo pro la suferoj, vidi sangon en lavujo, tuŝi per la manoj la infanon, tiun etan korpon gluecan, senpovan.

Ĉio ĉi mankis nun. Li estis kiel maljuna soldato, kvieta inter la kugloj, sed timanta la danĝeran silenton, kiu minacas per embuskado, aŭ kiel la muelisto, kiu povas senĝene ronki ĉe la bruo de sia muelilo, sed kiun la silento vekas alarme.

Antaŭ tiu senfadena stacio li similis al la belugo sur la bordo. La elektraj piroj disverŝis mildan lumon. Io kraketis en la laŭtparolilo. Poste la silento. Kaj nek malsanulino, nek ĝemoj, nek doloroj. Nek doloroj? Tamen ŝi ja suferis tie-fore, en la spaco. Ŝi suferis kruele, ŝi atendis helpon. Ĉiuj atendis ĉirkaŭ li. Nu do, Sergej Matveiĉ, nu do, ek!

Li kliniĝis sur la ŝultron de la radiotelegrafisto kaj diris al li:

— Hm... mia knabo... demandu do la kuraciston, en kia pozicio troviĝas ĉi-momente la infano.

Li rigardis scivole siajn vortojn, kiuj disŝutiĝis kiel pizoj en punktojn kaj strekojn por kuri tra la etero. La respondo alvenis post kelkaj minutoj.

Sergej Matveiĉ ĝin legis kaj sulkigis la brovojn. Tiel komenciĝis tiu eksterordinara akuŝo in absentia.

— Transversa pozicio de la feto — meditis la doktoro laŭte. — Nu je-ees... Kia kazo! — Li turnis sin al la radiotelegrafisto: — Demandu do mian kolegon, ĉu li konas almenaŭ iomete la version* laŭ la meodo de Braxton-Hickston?

* versio: turno de l'feto en la utero

„Eh! De kie li povus ĝin koni? Juna homo! Kaj eĉ internisto krom kaj super tio! Intern-medicinisto! Kiel ĉiuj kirurgoj, li havis certan malkonfidon al la profesiuloj de tiu fako.

La respondo estis tia, kian atendis Sergej Matveiĉ: „Mi konas ĝin laŭ aŭdo, petas min direkti en ĉio sen la plej malgranda ĝeno.

— Lavu viajn manojn per alkoholo kaj per jodo. Ŝmiru ĉiujn fingrojn per jodo. Lavu ilin, mia knabo, almenaŭ dek minutojn — diktis la doktoro. La radiotelegrafisto obeeme transmetis ĉion, ne ellasanta la „mia knabo“. Kiu scias, tiu „mia knabo“ eble havas sian medicinan sencon?

La kuracisto de la insulo Kukurbo raportis respekte, ke li jam lavis la manojn.

— Bone! — diris la doktoro kun kontenta kapsigno. — Nun, asepso de la virino. — Li skribis detale ĉiujn instrukciojn sur paperon kaj ĝin transdonis al la radiotelegrafisto. Scivole kaj mire li rigardis siajn vortojn, siajn pensojn, ekloĝintajn antaŭ minuto en lia cerbo, transmetitajn per mirakla forto tra miloj de kilometroj. La unuan fojon li rigardis la radiotelegrafiston kun respekto.

Tiu ĉi, konscience pri la gravo de la momento, streĉis sian tutan atenton. Ruĝa de fortostreĉo, li frapis tre nete ĉiun literon, timante fari eraron. Ricevinte la respondon, kiun la insulo Kukurbo sendis, li transskribis ĝin malrapide, sen tiu telegrafista, decideco, pri kiu li ĉiam fanfaronis. Li avertis la alian telegrafiston:

— Faru malrapide! Unu ŝanĝita litero, kaj povas okazi malfeliĉo al la infano kaj patrino.

— Nun — daŭrigis Sergej Matveiĉ —, faru internan ekzamenadon. Enkonduku la maldekstran manon...

Jen proksimiĝis la decida momento.

„Kaj se la kolo de la utero ne estas sufiĉe dilatita? — demandis sin la doktoro zorgopremite. — Ha, kial mi ne estas tie! Ni vidu... mi tamen ne povas responsi pri tio, kion mi ne vidas mem.“

Malkvieta kontraŭ sia kutimo, por trompi sian atendon je la respondo, li iris al la fenestro, rigardis al la strato. La strato? Ĉu estis tie eĉ unu strato? Amasegoj da neĝo sub la fenestro. Pli malproksime, unu tenejo, la

golfo kaj pli fore la neĝo, la neĝo, nenio krom neĝo. Sur la tegmentoj de la magazenoj: la neĝo, en la golfo: la neĝo, en la tundro la neĝo. Ĉio estas verdeta. La luno?

„Ho, ke vi ekspediŝ vin tiel malproksimen, Sergej Matveiĉ!“ li diris al si subite, mirigite, ke li troviĝas vere tiel malproksime, kvazaŭ tiu penso estus al li veninta la unuan fojon, kvazaŭ li estus tie la unuan tagon kaj ne de pli ol unu jaro.

Iu interdiris mallaŭtvoĉe:

— Sergej Matveiĉ!

Li turnis sin. Du personoj eniris: la edzino de la radiotelegrafisto kaj tiu de la geofizikisto.

— Nu, kio do, kara Sergej Matveiĉ? — demandis tute emociite la pli kuraĝa, la edzino de la radiisto.

— Kion, nu kio do? — respondis la doktoro grumble. Demandu vian edzon, Maria Iljiniĉna. Estas li, kiu artifikas ĉe sia aparato! Mi mem, mi vidas nenion ... absolute nenion ... La neĝon.

— Ni volus nur ... — komencis time la edzino de la geofizikisto. Mi havis amikinon. Ŝi akuŝis, estis kazo de la sama speco. Mi konis ĉiujn detalojn ... eble tiuj povus esti utilaj al vi? Mi rakontos al vi ilin.

— Ho, mia kolombeto — diris la doktoro kuntiriĝinte. — Kiel vin tio koncernas? Ja ne via amikino akuŝas nun. Kiel tio povus vin koncerni?

— Sed kiel — konsterniĝis la virino. — Estas ja ofenda, kion vi diras, Sergej Matveiĉ.

En la sama momento la radiotelegrafisto raportis la respondon de la insulo Kukurbo. Ĉu bona aŭ malbona, li ne sciis, ĉar li ne konis la medicinan lingvon, tamen li ĉiam agitiĝis jam antaŭe, kvazaŭ li scius, ke la respondo estas malbona.

— Ha, ha! — voĉis la doktoro, ĝin legante, kaj li ridetis. — Dilatiĝo de la kolo je du fingroj kaj duono. Nu do, mia kolombo! Oni faros la version laŭ la metodo de Braxton-Hickston?

Li iris al la aparato. Iu alpuŝis por li impete seĝon. Ĉiuj konsciis per unu fojo, ke la decida horo fine alvenis. La radiotelegrafisto estis pala. La organizisto de la Partio komandis raŭkvoĉe: „Silenton!“ kvankam tio estis perfekte superflua, ĉar la silento estis grandimpresa en tiu ĉambro, kie sin interpremis tiom da homoj. Ĉiu staris retenante la spiron. La alarmitaj, malkvietaj rigardoj estis fiksitaj kun espero sur la mediciniston.

Unu penso trakuris la cerbon de Sergej Matveiĉ: „De kie al mi venas tiu ĉi certeco? Kaj ankaŭ tiu ĉi aŭtoritato. Mi donas al ili ordonojn ĉi-momente, kaj tiu fore ilin plenumos. Kaj estas eble, ke ĉio ĉi finiĝos bone. Kaj tio estos mi ... mi ...“

Li diris:

— Enkonduku du fingrojn de la dekstra mano kaj provu kapti la piedon de la infano.

La aparato klakis; punktoj, strekoj flugis en la etero; nenia penso fremda al tio, kio plenumiĝis ĉi-momente, atakis plu la cerbon de la doktoro. Li vidis la akuŝantinon. Estis li mem, kiu enkondukis la fingrojn. Li aŭdis la ĝemojn. Li sentis la molon de piedeto de infano tiel malforta, tiel ...

— Kaj poste vin gardu, ke vi ne eraru! — li ekkriis. (La radiisto obeeme funkciigis la manipulilon.) — Ne konfuzu la piedon kun la maneto. Trovu la kalkanon. La kalkaneton, mia knabo. Poste ĝin fiksu. Estu singarda, vi povus tiri la brakon. Tio okazas.

Sur la insulo Kukurbo la malkvietaj homoj sin interpremis ĉirkaŭ la radiotelegrafisto. La edzo de la virino akuŝanta, tute kovrite de ŝvito, kun haroj hirtaj, kuris de l' aparato al la lito de l' pacientino kaj returne, transdonis la radiogramojn al la kuracisto, reportis tuj la respondojn al la radiisto, ripetante mense la vortojn de la kuracisto en sia timo, ke li ion forgesos aŭ konfuzos.

La kuracisto, siavice, estis ekstreme emociita, sed la helpo de Sergej Matveiĉ lin rekuraĝigis. Li sentis sur si fiksitaj la okulojn de la akuŝantino, plenajn de larmoj kaj de sufero.

— Iom da pacienco, iom da pacienco — li muelis. — Sergej Matveiĉ kaj mi, ni vin helpos ... Iom da pacienco. Bone, jen la kalkano ... Ho, kiel gracila ...

„Mi tenas la piedon“ — jen estis la radiogramo, kiun Sergej Matveiĉ ĵus ricevis.

— Ha, tre bone — li parolis. — Li tenas la piedon. Brave, kuracisto!

Kaj murmuro surda, ĝoja kuris tra la ĉambro: „Li tenas la piedon, li tenas la piedon!“ Ĉiuj agitiĝis, ridetis, pretaj sin gratuli

reciproke. Sed la vizaĝo de Sergej Matveiĉ malheliĝis denove, kaj ĉiuj iĝis ree silentaj.

— Bone — li ripetis. — Nun faru la rotacion de la feto, tenante la piedon, kaj per la alia mano...

Li forgesis ankoraŭfoje la enorman distancon. Li kredis esti ĉe la kapkuseno de la pacientino, li ĵetis ordonojn al sia asistanto per voĉo ŝiradata. „Li, li, jes, li estas brava bubo, brava bubo!" li diris al si pensante al sia asistanto. — „Por internisto li estas lerta, la bubo." Kaj la certeco de feliĉa fino kreskis en li, ŝajnis al li eĉ, ke li estis certa pri la sukceso jam longe antaŭe. Lia trankvilo de operacianta kirurgo fine revenis al li, li retrovis sin en sia kutima medio.

La minutoj fluis, ili ŝajnis centjaroj al ĉiuj. Jam de unu horo Sergej Matveiĉ troviĝis apud la aparato.

„Ĉu mi antaŭvidis ĉion, kun kiaj surprizoj mi devas kalkuli? Ĉu la internisto povos sin eltiri el la kaĉo? Ho, kial mi ne estas tie? Ĉu mi metis ĉiujn demandojn necesajn?" Li levis la okulojn sur la laŭtparolilon kvazaŭ de tie atendante respondon. Li aŭdis: punkto, streko, punkto, streko, ... ĉine por li. Li kliniĝis sur la ŝultron de la telegrafisto por legi.

— Ver-si-o — li legis sekvante la muŝkrurojn de la radiotelegrafisto — plenumita kun sukceso...

— Kun sukceso! — ekkriis la radiisto impete.

— Kun sukceso, kun sukceso! — ripetis ekzalte ĉiuj troviĝantaj en la ĉambro. — Doktoro! Sergej Matveiĉ! Tre kara!

— Atentu pri la kor-batoj de la infano! — ekkriis la medicinisto furiozvoĉe. Kontraŭ si mem li estis kolera, ĉar li montris sian ĝojon legante la radiogramon, kvazaŭ hospitala subkuracisto ĉe sia unua operacio.

„Estas honte! Estas honte! unu medicinisto! Kia honto!

— Atentu pri la korbatoj de la infano! — li kriis ankoraŭfoje al la radiotelegrafisto; tiu ĉi, sin ekreginte, obee residiĝis al la aparato.

Ŝi ankoraŭ ne naskis. Komprenenble. Estus tro tuje, mia knabo, tro tuje — diris Sergej Matveiĉ adresante la vortojn riproĉe al ĉiuj ĉeestantoj. Silento regis denove en la ĉambro. — Tro tuje — balbutis la medicinisto ĉi foje per laŭta voĉo. Li ekpostenis antaŭ la laŭtparolilo.

Subite li sentis, ke li dezirus pasie, perforte, ĝis doloro, ke la infano naskiĝu vivkapabla. Vivanta, vivanta, kaj ke ĝi estu knabo! Bukla... Li revis pri ĝi, kvazaŭ li estus ĝia patro. La patrino estas savita, sed la infano, la infano...

— Atentu pri la koro de tiu hometo, atentu la kor-batojn plej zorge!

— La batoj de la koro estas perfektaj kaj netaj — anoncis la telegrafisto.

Ne, ne, ja ne la radiisto diris tion. Li *mem* ĵus aŭdis la korbatadon de la infano en la ventro de la patrino. Batis la koro de la homo, nevidinta ankoraŭ la taglumon. Sed tiu homo naskiĝos post momento, li krios triumfe, postulante siajn rajtojn, siajn rajtojn de mondcivitano. Kian koron ĝi havos! La koron de homo, kiu ŝuldos sian vivon al sia patrujo, al radiotelegrafistoj, kia ĉi tiu, al tiu organizisto de la Partio kun lia aŭskultilo, al tiu interna kuracisto (li estas brava bubo, vere brava bubo tiu kuracisto!) kaj... jes ja, ankaŭ al li, Sergej Matveiĉ.

Li eksplodis en rido. Li ridis kiel neniam antaŭe. Kaj estis nek la triumfo, nek la fiero, nek la kontentiĝo, kiu trarompis en lia rido. Estis io, pri kio li mem ne povis doni al si kalkulon.

La uter-kuntiriĝoj komenciĝis. La radiogramoj el la insulo „Kukurbo" sin sekvis unu post la alia. La kuracisto avizis mallonge la staton de la akuŝantino, la dolorojn, kiuj daŭris, la edzo aldonis: „Ŝi suferas kruele... Ho, kiel terure! Ŝi elpuŝas kriojn... kiuj ne estas homaj... kion fari? Kion fari, doktoro? Kiel ŝi suferas, la kompatinda! Faru ion! Mi ne povas plu elporti tiujn kriojn!"

Oni kredis aŭdi tie, proksime al la laŭtparolilo, la terurajn ĝemojn de la akuŝantino. Sergej Matveiĉ sin turnis kaj rimarkis la palan vizaĝon de la partia organizisto, kiu premis forte sian pipon inter siajn dentojn.

— Nu, kaj vi? Kio vin kaptis, mia knabo? Kio estas al vi? Ja ne via edzino akuŝas, kiel mi scias.

— Estas ĝuste, ne mia edzino — respondis la organizisto de la Partio kun malforta rid-

# *NIA FAJREJ-EKRANO*

***Frank R. Stockton, 1834-1902.***

Estis fajrej-ekrano — pli precize, ĝi estis kadro por tio — kaj ĝi estis fabrikita el fraksenajo. Mia edzino brodis tre beletan kvadraton el silkajo, enhavanta florojn kaj aliajn figurojn en koloroj; kaj kiam ŝi finis la laboron, ŝi ekpensis, ke tio taŭgus por ekrano antaŭ la (ne ofte uzata) fajrejo. Do ŝi petis de mi, ke mi igu konstrui kadron por ĝi. Mi mendis la kadron, fabrikotan el fraksena ligno, ĉar la meblofaristo diris, ke tiu estas nuntempe la plej laŭmoda ligno; kaj kiam ĝi venis en la hejmon, la edzino kaj mi ambaŭ tre ŝatis ĝin — kvankam ni ne povis eviti penson, ke oni devus preni penikon kaj surmeti kolorilon. Ĝi estis bone konstruita — vi povas vidi tiun konstrumanieron ĉie. Unu parto sin puŝis tra truo en alian parton, kaj la ekstemajoj estis firmigitaj per lignaj kejloj. Ĝi estis konturita (tiel informis nin la meblofaristo) laŭ la tradicia orientlaga stilo.

Estis ja beleta kadro, sed la ligno estis tro helkolora. Ĝi kvazaŭ okulumaĉis nin, meze de l' cetera meblaro. Kompreneble, ni povus ĝin kolorigi kaj tiel harmoniigi ĝin kun la cetera enhavo de nia tagĉambro; sed kie tiam estus la avantaĝo, ke ĝi estas el fraksena ligno, se oni surŝmirus ĝin per kolorilo? Tiaokaze, estus egale oportune konstrui ĝin el pinligno!

Tial, laŭ la propono de mia edzino, ni havigis al ni duopon da orientlagaj seĝoj, same el fraksenajo; kaj kiam ni strarigis ilin ĉe ambaŭ flankoj de l' fajrejo, la ekrano havis multe pli bonan aspekton. La seĝoj estis tre bone konstruitaj kaj daŭros en bona stato dum tre longa tempo, — precipe (diris la edzino) ĉar neniu sentos inklinon sidiĝi sur ili. Ili ja estis iom rigidaj kaj malkomfortaj, sed tio devenis el iliaj orientlagaj konturoj; kaj, ĉar ni ne bezonis uzi ilin, tiu fakto neniel gravis por ni. Nia domo estis

---

eto. — Sed tamen la virino kaj la infano estas, kiel diri? . la niaj.

Sergej Matveiĉ sin sentis konfuza. Li furiozis kontraŭ si mem pro sia stulta demando, kaj ke li ne komprenis la sentojn de la organizisto de la Partio, kiujn li eble ofendis. Sed mankis tempo por ĉiuj ĉi pripensoj. Atentu pri la koro de la infano!

. . . Tri horoj pasis. Jam de tri horoj li estis ĉe la aparato. Li sentis sin senfine laca, elĉerpita, la membrojn rompitaj. Ĉu finiĝos baldaŭ, ĉu finiĝos fine ĉi tiu eksterordinara akuŝo per senfadena telegrafio?

Subite li aŭdis la radiotelegrafiston ekkrii kun ĝojo; li jubilis. Ĉiuj entuziasmiĝis lin ĉirkaŭante.

— Knabo, knabo! — li kriis skuante sian radiogramon. — Jen, jen, knabo! — li etendis la radiogramon al Sergej Matveiĉ, kiu legis:

„Doktoro, kamaradoj, karaj amikoj! Mi havas filon, filon, knabeton! Dankon, dankon al vi ĉiuj por ĉio! Sergej Matveiĉ, dankon, dankon, dankon al vi, tre kara doktoro! Dankon!"

Manoj varmaj, amikaj, emociaj etendiĝis de ĉiuj flankoj al Sergej Matveiĉ. Oni lin gratulis, oni lin admiris, oni lin dankis. La organizisto de la Partio skuis al li longe la manon; li ridetis ripetante:

— Ho, Sergej Matveiĉ! Kiel granda homo vi estas! Estas admirinde. Mi gratulas vin . . . Vi agis kiel . . . kiel . . . bolŝeviko, Sergej Matveiĉ!

Li, tute konsternita, sin sentis subite kortuŝita. Li rigardis povante doni pri nenio kalkulon, legis la radiogramon ne kaptante ties sencon, aŭskultis la gratulojn sen komprenon. Li estis tute ekster si. Ĉi tiu kirurgo nun perdis sian trankvilon. Lia ekzisto subite ŝajnis al li sub nova lumo. Li revidis sin mem kaj sian profesion, kaj siajn revojn de studento, kaj ĉion, kion li iam faris, kaj kion li ankoraŭ povos fari.

Ĉu vere li mem estis tiu, kiu hieraŭ revis pri paca maljunaĝo, pri dometo, jes ja, mia knabo, — kun tropeoloj kaj mirfloroj sub la fenestroj?

El la rusa: *K. Stelov.*

jam tre komforte meblita. Ni kulturis kiel nian specialajon, ke ni ĉiam havu komfortajn apogseĝojn por niaj gastoj, krom por ni mem; kaj verdire ĉio en nia hejmo estis nerigora, intima, kaj luma. Ni kredis, ke la hejmo devas esti loko de ripozo: kaj ni estis do aĉetintaj tiajn seĝojn kaj sofojn kaj kanapojn, kiuj bonvenigis la homojn en siajn brakojn, kiel patrino, kaj igis forgesi la penojn de la mondo.

Sed fakte ni ne ĝuis la fajrej-ekranon tiom multe, kiom ni esperis, nek tiom multe, kiom ni ĝuis preskaŭ ĉion ceteran aĉetitan por la domo. Eĉ en la kunesto de la du seĝoj, ĝi neŝajnis „aparteni" en la ĉambro. Kaj ĉiuj aliaj ajoj kune harmoniis. Mi opinias, ke mi povas honeste aserti, ke ni estas gesinjoroj havantaj bonan guston; tial estiĝis tre malmultaj misharmonioj en la meblado de nia hejmo.

Sed la du seĝoj kaj la ekrano konformis kun neniu alia posedajo. Ili faris nian hejmecan tagĉambron malalloga. Ni elportis tiel longe, kiel ni ja povis, kaj tiam ni decidigis nin por kuraĝa paŝo. Ĉiam ni estis konsekvencaj kaj senhezitaj: tiaj ni devas nun esti. Tial ni lasis forporti el la ĉambro la tutan meblaron, escepte de la fajrej-ekrano kaj la du seĝoj. La ceteraj mebloj estis anstataŭigitaj per meblaro en orientlaga stilo, el fraksena kaj kverka lignoj. Kompreneble nia Wilton-a tapiŝo ne agordiĝus kun tiajoj; do ni forprenis ĝin, mastikumis fendetojn(*) en la planko, kolorigis la planktabulojn, kaj aĉetis turko-persan tapiŝon, tro malgrandan por kovri la tutan plankon. Sur la murojn ni alfiksis novan murpaperon, por banaligi la murojn ĝis la ĝenerala rigideco; kaj al la plafono ni donis la verdan koloron de salvio — kiu mirinde agordiĝos kun la medio, tiel diris la domornamisto.

Ni ne ŝatis la ĉambron, sed opiniis ke ni devus *lernigi al mi* — ĝin ŝati.

La manko eble estis en ni mem. Supera arto estas afero, kiun ni devus kompreni kaj devus ŝati. Ni decidis nepre sukcesi, kaj pri la unua kaj pri la dua — se iel ni povus.

* La rakonto temas pri epoko, kiam estis ankoraŭ kutime, konstrui plankon el mola ligno kaj plene kovri ĝin per tapiŝo. La epoko de poluritaj, malmollignaj plankoj kaj nur malgrandaj tapiŝajoj estis nur komenciĝanta.

Sed baldaŭ mi ekkomprenis, ke unu ĉefa kaŭzo, pro kiu ni ne ŝatis la tagĉambron, estis ĝia ega malsimileco je ceteraj partoj de la domo. Elpaŝi el nia hejmeca dormĉambro, aŭ el nia bela, lumeca, kaj mole meblita salono, aŭ el nia gajmiena manĝoĉambro — en tiun ĉi rigidan kaj mezepokecan tagĉambron estis tro granda altiĝo (aŭ malaltiĝo) por niaj perceptoj. La trostreĉo kaj ŝoko estis malboninflua. Tial ni decidis frapi denovan frapon sur la batalkampo de konsekvenco. Ni provizos la tutan domon per meblaro laŭ orientlaga modo.

Feliĉe, la frato de mia edzino jus fariĝis edzo kaj aĉetis domon je kvaronmejlo de la nia. Gis tiam, li ankoraŭ aĉetis nur malmulte da meblaro; kaj, kiam ni remeblis nian tagĉambron, li aĉetis la malnovan meblaron, per modera prezo. Mi tre ĝojis pri tio, ĉar mi ne havis lokon, kien ĝin meti. Mi nomas ĝin la „malnova" meblaro, por distingi ĝin de la pli nova; sed verdire ĝi ne estis longe uzata, kaj estis en bonega stato. Toĉjo — mia bofrato — post kiam li faris tiun unuan aĉeton, ŝajnis paŭzi en la afero pri mebloj por sia hejmo. Li kaj lia edzino loĝis en unu-du ĉambroj de la domo, kaj ŝajnis senti nenian urĝon por rapidi en la tasko finordigi kaj enhejmigi sin. Toĉjo venis al ni tre ofte kaj riskis rimarkigojn pri nia tagĉambro kaj pri la kurioza aspekto prezentata de ĝi en domo lukse meblita laŭ plej moderna modo; kaj tio helpis firmigi nin en la decido orientlagigi nian domon, efektive kaj tute.

Kompreneble — ĉar la plimulto el la nova meblaro devis esti fabrikata laŭ mendo — ni povis efektivigi la ŝanĝojn nur paŝo post paŝo; kaj tial ni remeblis nur unu ĉambron je unu dato. Kiam ajn ŝarĝvagono alvenis al la domo kun novaj mebloj, Toĉjo ĉeestis por aĉeti la antaŭe de ni uzitajn. Mi devas diri, ke li estis tre honesta rilate al la prezo, ĉar li ĉiam kunportis komerciston de uzita meblaro, kaj igis lin taksi la valoron de la ajoj; tiam Toĉjo pagis al mi laŭ ties taksado. Mi estis ofte tre surprizita pro la malaltaj prezoj fiksitaj por mebloj, por kiuj mi elpagis multe da mono; sed kompreneble, mi ne povis atendi pli ol la kutiman prezon, laŭ la merkato por uzitajoj. Toĉjo alportis ĉiufoje malsaman komerciston; kaj iliaj taksoj estis

ĉiam malaltaj, proksimume sur la sama nivelo; kaj tial mi ne povis plendi. Mi tamen opinias, ke li traktis nebone tiujn butikistojn, ĉar mi poste ricevis informon, ke ili havis la opinion, ke *li* volas poste vendi la meblojn al *ili*.

Toĉjo estis bonulo, tre kompreneble, — ĉar li estas frato de mia edzino. Sed li havis kelkajn ecojn, kiujn mi ne ŝatis. Pli-ol-malmulte li ĝenis min per vizitoj en nia domo, post kiam ni finis la remebladon, kaj per rimarkigoj pri la novaj mebloj.

„Mi ne komprenas", li diris iutage, „kian sencon havas la imitado de mebloj konstruitaj en la jarcentoj, kiam oni ne komprenis kiel fabriki meblojn."

— Ne *komprenis*, kiel tion fari?! — mi eksplodis. „Sciu, ke tiuj estis la tagoj, kiam oni *ja* komprenis. Rigardu tiun ĉi liton! Ĉu vi iam vidis ion pli solidan, pli fortikan, pli ĝisfunde honestan ol tiu? Ĝi daŭros tra jarcentoj, kaj ĉiam estos tio sama, kion vi nun vidas — fortika, bona, fraksena litkadro.

— Jen precize la kritikindaĵo, — Toĉjo respondis. — Ĝi estos por ĉiam precize tio sama, kio ĝi nun estas. Se estus ia eblo plibonigi ĝin, mi ŝatus ĝin des pli multe. Mi ne precize komprenas vian esprimon, 'honesta lito'; sed se la vortoj signifas liton, en kiu oni ne dezirus kuŝi, tiam vi eble pravas. Kaj kial vi *volas* havi meblojn, kiuj daŭros dum jarcentoj? *Vi* ne estos daŭraj dum jarcentoj! Do kial vin tio interesas?

— Ege interesas — mi respondis. — Mi ne volas viajn malfortikajn modernajn meblojn. Mi volas meblojn bone fabrikitajn, en kiuj la arto de l' metiisto estas unuaranga kaj evidenta. Rigardu, ekzemple, tiun seĝon; vi povas vidi, precize, kiel oni kunmetis la partojn.

— Tute kiel vi diras — respondis Toĉjo —, sed kia estas la profito, havi unu parton de seĝo trapuŝita tra alia parto kaj tenata en loko per kejlo, tiel ke la konstrumaniero estas evidenta? Se tiuj uloj en la Mezepoko komprenus, kiel kunmeti seĝojn tiel nete kaj fortike, kiel kelkajn el niaj modernaj mebloj (kiel ekzemple oni konstruis la miajn, kiuj — vi bone scias — estas tiel fortikaj kiel mebloj iam bezonas esti), ĉu vi ne opinias, ke tiuj mezepokanoj estus ilin tiel farintaj? Kompreneble, ili tiel farus! La plej aĉa flanko de l' konstrumaniero de tia seĝo estas, ke ĝi faras la konstrumanieron de ĉies propra korpo tro evidenta. Kiam mi en unu el ili sidas, mi certas, ke mi scias precize, kie miaj artikoj estas kunmetitaj — precipe la artikoj en mia dorso.

Toĉjo ŝajnis malŝati, pli forte ol ion alian, la tegolojn enmetitajn en multajn el la novaj mebloj. Li ne povis kompreni, kiacele oni enigas ceramikaĵojn en litkadrojn kaj skribtablojn; kaj kiam temis pri bildoj sur la tegeloj, ilin li tute malaprobis.

— Se la antikvaj uloj, kiuj faris la originalojn de tiuj ĉi bildoj — li diris — estus divenintaj, ke liberaj kaj kleraj civitanoj en la deknaŭa jarcento faros kopiojn de ili, ili certe estus lernintaj kiel desegni.

Tamen, ni ne multe ĝenis nin pri tiu babilado, kaj mi eĉ sukcesis rideti, kiam li faris ŝercojn kaj vortludojn, kaj kiam li aldonis:

— Nu, mi supozas, ke gesinjoroj havantaj vian situacion en la mondo estas devigataj fari tiaĵojn, ĉar tion fari certe estas laŭmode.

— Sed unu lia diro efektive nin ĝenegis. Li venis al nia domo unu matenon, kaj rimarkigis:

— Mi ne volas fari vin malkontentaj pri via meblaro, sed verdire mi opinias (kaj ankaŭ aliaj, ĉar mi aŭdis paroli pri tio), ke tia meblaro neniam povos aspekti, kiel aspekti ĝi devus, en tia domo. En la malnovaj tempoj, kiam la homoj ne sciis kiel fabriki pli bonajn meblojn ol tiuj ĉi, ili neniom pli sciis kiel konstrui tolereblajn domojn. Ili ne havis fenestrojn el glaca vitraĵo, nek altajn plafonojn, nek varmegan kaj malvarman akvon fluantan en ĉiu ĉambro, nek enkonstruitajn bankuvojn, nek aliajn tiaĵojn. Ili havis malgrandajn fenestrojn, kun etaj vitraĵoj tenataj en loko per plumbo; kaj ili havis malaltajn ĉambrojn, ofte kun nenia ajn plafono, tiel ke vi povu vidi la konstrumanieron, super la kapo; kaj ili havis ĉiujn malkomfortojn, kiujn ni flankenpuŝis. Se vi volas vidi vian meblaron tia, kia ĝi pretendas esti, vi devus havi ĝin en efektive mezepoka domo — Elizabeteca, aŭ Mary-Anneca, aŭ kiel ajn oni nomas tian arkitekturon. Vi povus facile konstrui tian domon — ion similan al tiu senkomforta konstruaĵo stari-

# SALO KAJ PIPRO

K. KALOCSAY

**Neûtraleco**

Okazis kolizio akra
Inter la opinioj malaj:
Ĉu pri l' faŝismo mondmaskara
Ni povas resti plu neûtralaj?
„Internacia krim'!" — asertis
Unuj — „ĝi estas kondamninda!"
Aliaj kun terur' avertis:
„Ne! Estus partieco blinda!"
Sinjoro tra la voĉtumulto
Kriis kun senkompara vervo:
„Demokratio estas kulto
De homaj rajtoj, sen rezervo!
Ni neûtralecon nian gardu,
Ĝin difektante per nenio,
Kaj kompreneme ni rigardu
Al ĉies sankta opinio!
Netolerem' min ne infektas
Ĉies liberon mi estimas.
Jen — nefumantojn mi respektas,
Kvankam ja fumi mi kutimas."

Mutiĝis ĉiu post la aûdo
De tiu trafa argumento
Ĝis fine iu, kun aplaûdo,
Rimarkis milde, por konsento:
„Tre prave, vere! Ni akceptu,
Ke ĉies rajton mi estimas,
Kaj la murdistojn ni respektu,
Kvankam ni murdi ne kutimas."

**Disciplino**

Okazis foje al germano
En varma tago de somero,
Ke ekdeziris li per bano
Sin refreŝigi en rivero,
Li siajn vestojn do demetis,
Plezure sin en akvon jetis,
Kaj naĝis gaje kiel fiŝo,
La ondoj lin karesis flate,
Sed jen — li legis sur afiŝo:
„Naĝi estas malpermesate
Ĉi tie!" Kaj li tuj obeis:
Ne naĝis, dronis kaj pereis . . .

Por ke ni tiru ĉe la fino
Konkludon el ĉi akcidento:
Tre bona estas disciplino,
Ne manku tamen la prudento!

**La subtasoj.**

Pro l' subtasoj, pro l' subtasoj,
Kiuj flugas tra l' aero,
L' okcidenta duonsfero,
Estas nun en embarasoj.
Sed mi diras al amasoj
Scivolantaj pri la vero:
Trankviliĝu pri l' afero.
Tie flugas nur anasoj!

---

gita de la angla komisiono en la jarcentfina mondfoiro(*) kâj se vi deziras vendi tiun ĉi domon . . .

— Kion fari mi *ne* volas! — mi rapide emfazis. — Se mi faros ion, mi aliformigos tiun ĉi domon. Mi ne intencas konstrui novan.

Kiel mi jam konfesis, tiu eldiro de Toĉjo malkvietigis nin ambaû; kaj, post kelktaga interparolo pri la temo, ni decidis esti konsekvencaj, kaj ni igis rekonstrui nian domon ĝis tia grado, ke Toĉjo deklaris ĝin efektiva orientlaga domo, jes, eksterdube. Ni travivis vicon de malĝojegaj spertoj dum la rekonstruigo; kaj kiam la entrepreno plenumiĝis, kaj ni reordigis nin por denova kvieta vivado, ni tre nostalgiis la komfortaĵojn kaj oportunaĵojn, al kiuj ni jam kutimiĝis. Tamen, nun ni komencis jam alkutimiĝi al *mal*-komfortoj kaj *sen*-konvenaĵoj; kaj tial ni sidadis kaj elrigardis tra niaj etaj kaj kvadrataj fenestrovitraĵoj; kaj ni penis taksi la pejzaĝon tiel belega kaj la ĉielon tiel blua. Kia ili estis, kiam ni ilin alrigardis tra niaj altaj kaj larĝaj fenestroj el franca glaco.

Sed la pejzaĝo ne aspektis tute en ordo, ĉar ĝi ne estis la taûga speco de pejzaĝo. Tial ni aliformigis nian ĝardenon kaj domherbejon. Ni faris „interkrucajn" aleojn, kaj formalajn ĝardenvicojn, kaj ceterajn malnovmodajn aranĝojn.

(*) Mondfoiro en Philadelphia, 1846.

Kaj tiel finfine ni havis mastrumejon, kiu estis konsekvenca — ĉiel harmonianta kun la fajrej-ekrano, aŭ, pli ĝustadire, kun la kadro de la fajrej-ekrano. Oni povus supozi, ke Toĉjo nun lasos nin trankvilaj dum kelke da tempo. Sed neniel kaj nenial!

— Mi deklaras al vi, kiel statas — li diris. — Restas nur unu afero ankoraŭ mankhava. Vi devus porti vestojn harmoniantajn kun la domo kaj meblaro. Se vi akirus orientlagan frakon, kun tegolo lokita en la dorsajo.

Sed tio superis limojn. Mi lin interrompis.

La sekvantan vesperon mi kaptis mian fajrej-ekranon kaj renversis ĝian starmanieron — dorsantaŭen. Sur la malantaŭa flanko estis malplena spaco, kaj sur ĝin — uzante penikon kaj nigran kolorilon, antaŭe uzitajn de la edzino por pentri ĉikoniojn sur kelkaj kuriozformaj ceramikajoj el ruĝa argilo — mi pentris la jenajn liniojn el la „Infero" de Dante:

„Soltaro finichezza poldo viner
Glabo icce suzza sil
Valuchicho mazza churi
Provenza succi — y gli."

Mi intencis ke la linioj signifu:

„Kial, ho, kial mi prenis en manojn
Kaj forĵetis surteran komforton,
Kaj malsupreniris en malnovmodan inferon?!"

Sed ĉar mi ne komprenas la italan lingvon, ne estas kredeble, ke eĉ kelkaj el la vortoj pravas; tamen tio ne estas grava, ĉar tiel malmultaj homoj komprenas tiun lingvon. Kaj mi ĉiam povas rakonti al miaj kunhomoj, kion laŭ mia intenco la surskribo devas signifi. La „y" kaj la „gli" estas vere italaj, kaj mi ne provis traduki ilin; sed ili havis bonan aspekton; ili aldonis al la tutaĵo iun mienon de taŭga „konstruiteco". Mi povus skribi ĝin en la Antikva Angla Lingvo, sed tiu estas por mi pli malfacila ol la itala. La tradukon (kiu estas mia propra) mi penis verki kiel eble plejeble „konsekvenca" kun la poemo de Dante.

Kelkajn tagojn post tio, mi iris al la domo de Toĉjo. Pli belan, pli hejmecan domon vi neniam vidis. Mi jetis min en unu el la „eks-miaj" apogseĝoj. Malantaŭen mi duonkliniĝis. Mi etendis la krurojn sub la tablon, — mi neniam povis etendi la krurojn sub iun ajn el miaj tabloj, ĉar ili havis fortikajn orientlagajn trabetojn sube, kaj oni devis sidi rekta kaj teni la krurojn laŭ orientlaga ortanguleco. Mi elspiris longan spirĝemon de ĝuo. Ĉirkaŭ mi sin trovis ĉiuj beletaj, bongustaj (sed „netaŭgaj") aĵoj, kiujn Toĉjo aĉetis de mi — je 87% da rabato. Nia propra estinta atmosfero de hejmeca komforto ŝajnis esti ĉi tie. Mi eksaltis el la seĝo.

— Toĉjo! — mi kriis — kian prezon vi akceptos por tiu ĉi domo, kune kun la meblaro — ĉio precize kiel ĝi nun estas?

Toĉjo fiksis la monsumon. Mi faris la interkonsenton tuj definitiva.

Do ni hejmadas nun en la domo de Toĉjo, kaj du pli feliĉajn geulojn oni ne facile trovus. Toĉjo deziris, ke mi vendu al li mian rekonstruitan domon; sed tion mi ne konsentis, ĉar li komencus retroaliformigi la aranĝojn. Mi nur *luigis* ĝin al li, kaj li devas tie loĝi, ĉar li ne povus trovi por luado alian domon en la najbarejo.

Toĉjo ne estas nun tia gaja ulo, kia antaŭe li estis; sed lia edzino venas tre ofte viziti nin!

El la angla: *Ernest Dodge*



# PROMESITA TERO... MALPERMESITA TERO

François-Jean Armorin

La judoj strebas rekonkeri sian patrolandon, Palestinon. Sed la brita registaro enlasas tien nur tre malmulte da ili. Kiuj volas eniri, tiuj devas rompi la „blokadon".

François-Jean Armorin, juna kaj talenta franca jurnalisto, jam fama raportisto, volis ekkoni la vivon kaj aventurojn de tiuj kontraŭleĝuloj, avidaj je patrolando. Kion Armorin volas, tion li faras. Li akiris de la organizantoj de la kaŝa elmigrado la permeson partopreni vojaĝon al la promesita tero. La manieron de la kolektado de la veturontoj, la eliran havenon, la veran nomon de la ŝipo — baptita de li Solteiro — li devas ne indiki, por ne malhelpi eventualajn postajn provojn.

La ŝipo estis kaperita kaj pereis. La 2600 judoj de la „Theodor Herzl" — oni vidos, ke la „Solteiro" adoptis tiun nomon kuraĝe en la momento de la batalo — estis koncentrigitaj en la insulo Kipro. Kaj kun ili ankaŭ François-Jean. Nur post kelkaj tagoj li deklaris sin jurnalisto, kaj suferis la malliberon kune kun la aliaj.

Reveninte Parizon, li verkis mirindan raporton (13 artikolojn) por la gazeto „Franc-Tireur" (Izola Pafisto; maldekstrula Pariza jurnalo). Tiu verko estas honorata per la sesdekmilfranka premio „Claude-Blanchard", donata ĉiujare al la aŭtoro de la plej bona jurnalraporto.

Pri la afero de „Theodor Herzl" — okazinta la 27-an de aprilo 1947. — jam skribis multaj gazetoj en la tuta mondo. François-Jean, mia amiko, tre afable permesis, ke mi traduku unu el liaj artikoloj. Mi elektis tiun, kiu traktas pri la „akso" de la aventuro, la surmara batalo.

François-Jean estas nejudo, kaj senpartia, nur profesia observisto. Li rakontas, kion li mem travivis kaj suferis. En tiu verko oni do ne serĉu politikon, nek kritikan subideon. Nur pro ĝiaj jurnalismaj kaj literaturaj ecoj mi ĝin prezentas al la legantoj de L. M.

(La tradukinto.)

## ŜIPO KONTRAŬ ŜIPO ANTAŬ TEL-AVIV

### Maŝinpafiloj krakadas homoj falas

Tie ĉi, en Parizo, estas Pentekosto. Tiefore, tio tute indiferentas al miaj kunuloj. Apenaŭ antaŭ unu monato, iun dimanĉon, vespere . . .

Estis ilia lasta nokto de libera homo. Mi subiris al la holdo. Tion mi neniam faris sen sekreta ektimo. La nemultaj privilegiuloj: la ruzlertuloj, la malsanaj virinoj, kiuj de la ekveturo dormadis sur la ferdeko, estis kolektitaj kaj malsuprenpelitaj. Tie estis neimagebla ŝafejo por homoj, amasigitaj, ventro kontraŭ ventro, kvazaŭ brutaro. Pezaj haladzoj ŝvebis super la oscedantaj klappordoj. Malgraŭ la ventoliloj, odoro kvazaŭ surdida, eltranĉita, reformiĝis post ĉies paso, kiel densa nebulo. Korpoj, ankoraŭ korpoj, viciĝitaj en sia numerita ĉelaro. Friedler, la belgo, dormaĉis, kaŭrante antaŭ la malsanulejo, kaj li asertis al mi, ke, se ni ne alborḋiĝos en du tagoj, lia edzino naskos surŝipe. Tion li diris kun plena rezignacio.

### Batalpretiĝo

Ĉe la matenkrepusko de la dekdua tago, la ŝtupetarojn de la supra ferdeko oni tranĉis per blovlampo kaj ĵetis al la maro. Cemento estis kaĉigita dum la nokto. Je la deka, unu el la „staras" grimpis ĝis la pinto de la postmasto kaj rulfaldis la bluan-blankan flagon, stampitan per la Siona stelo. Vasta voĉbruo naskita el la ferdek-antaŭo lin envolvis dum lia balanciĝado. La tabulojn „Theodor Herzl — Haganah Ship", pentritajn en la antaŭa tago, oni alkroĉis sur la supra ferdeko, pretajn por defaldo, ambaŭflanke. Ĉi-foje, la maljuna Solteiro proksimiĝis al sia fino.

Posttagmeze: lasta provmanovro. Trumpeto elspiris la batalpretiĝon. Supre, nudbruste, la observanoj dejoris.

La ordiĝado okazis kun longaj fajfadoj. La homoj transportis malplenajn botelojn en la barkojn. Oni distribuis al la renkonto trupoj gasmaskojn kaj pugnarmilojn. La voĉtubo blekis. Homoj, armitaj per kaŭĉukaj

frapbastonoj, viciĝis laŭlonge de la randoj. Ankaŭ virinoj ĉeestis, fortikaj knabinoj zonumitaj per boteloj, polaj eksprtizaninoj, kun larĝaj brustoj de laborbovoj, aŭ de tiaj mamriĉaj „Germania"-j el la epoko de sinljoro de Bismark.

Ĉiuj nebatalantoj estis blokitaj en la holdoj. Je la deksepa, oni plurfoje ekvidis figuron de ŝipo en la malproksimo. Por ni, en la kajuto, sonoris la lasta horo de la kudristinoj: temis pri kaŝo de dokumentoj. Jeoffrey malkudris siajn manikojn kaj sin demandadis konfuze. Pearlmann postulis helpon de la ĝiba tajloro el Kiĉinev, kaj Simone, la eta belgino, kudris sian pasporton en la internon de ia ĉapo, kaj kaŝis miajn notojn en pantalonan zonon. Ĉio ŝajnis preta. Restis nur sesdek mejloj veturotaj.

Varmo regis. La aertuboj turnis al la ŝajna vento sian faŭkon, gigantan aŭdilon por surduloj, grasan kvazaŭ konuso el fritítaj terpomoj. Kaj abrupte noktiĝis. „El Capitano" cerbumadis pri sia eterna ĉevaleto, kaj jen estis nia lasta interparolo antaŭ la afero:

— Mankis al mi mortinto, li diris. Li havus belan funebron. Tiaokaze mi ĉiam diras paroladon. Oni turnas la direktilon baborden, kaj li milde glitas laŭlonge de la hold-aperturo. Fajfado, rondirado... kaj ni ree ekveturas la vojon...

„El Capitano" ne povis antaŭvidi!...

Estis la dudeka. Ankoraŭ nun mi aŭdas la horloĝon de John Cliss and $C_o$ (New-York) piksonori la dejortempon. Ni estis pretpretej, kun kaŝitaj dokumentoj kaj ŝnuritaj sakoj. Iu frakasis la kolon de la lasta botelo de rumo. Malproksime, fronte al ni, briletis, tremetis la lumoj de Tel-Aviv, la lumoj de la promesita bordo, oferataj al nia pruo. Ni pluveturis kun estingitaj fajroj, kaj tamen, al mi ŝajnis, kvazaŭ en la strando iu perceptus tiun vastan murmuron sur la ferdekantaŭo de la Solteiro.

— Erec, erec, tero... promesita tero.

Ĉi-foje, estis finite. Tiu krio ĉion dispelis? Ĉi difinitive kumprenis la pogromojn de Vilno, terurojn de Varsovio, malsatojn de Karpatoj, balais la Auschvitz-ajn fumojn. Ĉio disŝvelis, kvazaŭ ĉifonoj ĵetitaj en la irsulkon: *Erec*, Promesita tero! Ili atingis la celon.

**Tri ĉasantaj detruuloj**

Ankoraŭ ĝuste vidalvide, sed lokate inter la Solteiro kaj la marbordo, longa malvarma lumjeto saltis super la horizonto. Ĝia blindiga lumeto delikate promenas kvazaŭ mortpala peniko. Unu kaj du kaj tri ekbrilas babordre, triborde. La detruuloj ĉasadas. La „radaro" nin jam malkovris. Momente, estiĝas kvazaŭ malkuraĝo. Senlima espero estis la homojn kaptinta, kiam la urbaj lumoj aperis sur la horizonto... Nur dudek mejloj...

Pro tiuj blindigaj lumjetiloj ni refoje havas la impreson de la silentaj aliroj ĝis la batallinio, ĝis la fronto, ĝis la juda fronto de Palestino.

La lumo vipas la akvon. Ili serĉadas. Ili flaras la beston. Kaj ni devas atendi, pasive. Ne estas eĉ eblo rampi, nek la struta iluzio preterpasi nevideble. La malnova Solteiro elkraĉas nigran fumon, kiu verŝajne restas trenata tra mejloj. Ni estas kaperotaj. La lumreto, kiu fulme alproksimiĝas, gluiĝas al nia flanko, palpas ĝin, iom dancetas, ŝajnas ĝin rekoni. Fine, ĝi fiksiĝis.

Silente la homoj iras al sia batalposteno. En kelkaj minutoj, ekde la horizonto, kun sia lumo tiel blindiga, ke ĝi fariĝas bluaĉa, tri detruuloj estas flank-ĉe-flanke al ni. La Solteiro ankoraŭ pene sin trenas kvazaŭ vundita besto duonkuŝanta sur la akvo. Kvin mejlojn hore.

Unu el la detruuloj apartiĝas kun sia vico de lumoj, alnaĝas triborden. Oni distingas nun ĝian rigidan superstrukturon de militbesto, la kaskitajn homojn, la alcelantajn maŝinpafilojn. Ili rigardas tiun ferdekon nigran de homamaso, tiun lacan ŝarĝoŝipon, venintan el la nokto.

**Morto de la Solteiro**

Minacante, grumblante, laŭtparolilo blekis:

— Vi tuj enveturos la teritoriajn akvojn de Palestino. Haltu, kaj direktiĝu al Haifa, kien ni eskortos vin.

Nenia respondo el la korsaro. Ĉiuj estis pretaj kaj silentaj. La voĉo ankoraŭ vokis al la gvidanto de la „Haganah". Subite supre, ĉe la pinto de la masto, disvolviĝis la bluablanka flago, klakis la montrotabuloj, kaj ili povis legi la nomon: „Theodor Herzl".

La tri detruuloj dancis sur la akvo. Pasis tempeto. Pli brilaj ol iam estis la strandolumoj. Tie-fore, en iu golfeto, avizite per mistera mesaĝo, grupoj atendis la elŝipiĝon de la kontraŭleĝuloj. Aliaj ignoris. Oni ludis „Reĝo Edipo" en la „Habimah Teatro" de Tel-Aviv, kaj „Where do we go from here" en la „Regent" de Jerusalem (kolorfilmo).

La detruuloj sin preparis por la atako. La unua revenis al ni, malrapidete, sentante sin sekura; ĝia antaŭkilo estis kelkajn metrojn antaŭ nia flanko. Reaŭdiĝis la voĉo:

— I warn you that you are about to enter the territorial waters of Palestine. I warn you if you enter, it will be my duty to board yu, arrest you and take you to Haifa. What is your answer?

(Mi avertas vin, ke vi tuj venos sur la teritoriajn akvojn de Palestino. Mi avertas vin, se vi enveturos, mia devo estos vin ataki, aresti kaj konduki al Haifa. Kio estas via respondo?)

Nenia estis respondo. Nur alsupriĝis la kanto Halikwah potence, mirinde malrapide. Ĝi leviĝis el la fundo de la holdoj. Mi ĝin aŭdis jam ĉe maloftaj okazoj, kaj neniam forgesos ĝian takton antaŭ la batalo, vidalvide al Tel-Aviv.

Tiam „Captain John" ankoraŭ staris sur sia posteno: mi vidis lin lastfoje.

Kaj ĉio fariĝis silenta.

**Bomboj**

Rapide la detruulo iom malproksimiĝas. Ĝia lumjetilo turniĝas. Plenvapore ĝi renaĝas al la babordo, al la flanko, ĉe kiu ni jam elkliniĝis preskaŭ tuŝante la akvon. Neprokrasteble estis batali. Homoj, nigraj ombroj, stariĝis el la barkoj.

Flanko kontraŭ flanko.

Oni ekjetis konservskatoletojn kaj tiuj faladis sur la amason de maristoj sur la ferdek-antaŭo de la Anglo. La maro ondegis.

Eksplodoj, obtuzaj kaj sinsekvaj, nun ekkrakas. Larmigaj bomboj rulfalas sur la ferdekon. Potencaj akvojetoj balaas la pontetcn. Sub tiu mortpala eklumo, taŭga por antaŭfiguroj de kino, mi vidas homojn kurantajn, maskitajn, fantomajn. Boteloj kirliĝas. Oni elŝiras tabulojn. La gaso leviĝas sur la supra ferdeko. Ĝi kaptas nin subite, ŝirante la bronkojn, bruligante la okulojn. Virinoj ululas. Viroj, kunfleksiĝintaj, distaŭzas sian ĉemizon, ne ĉesas tamen forbalanci siajn jetaĵojn .

La Anglo iom retronaĝis. Sur ĝia antaŭo aperas vico de homoj porkobuŝe maskitaj, blanke kaskitaj. La alflankiĝo ŝajnas tuja. Plioftiĝas la eksplodoj Ili celas la aertubojn de la maŝinoj.

(Poste oni diris al mi, ke la ĉefmaŝinisto promesis elteni. Post la batalo oni retrovis lin sveninta, kun kapo ĉirkaŭvolvita per litkovriloj, apud liaj manometroj.)

La hokegoj fajfadas el unu ferdeko al la alia. La antaŭkilo proksimiĝas. Komenciĝas abrupta ŝirado. Theodor Herzl blekas per ĉiuj siaj membroj, konstante frostotremas. La „chardburn" sonoras: „Halt!" Ili nun altuŝis nin malantaŭe, ĉe la nivelo de la malsanulejo. Ilia pruo ennajliĝas en nia maldekstra flanko. La randoj disflugas en mortigajn splitojn. La postmasto frakasiĝas, la ŝnuregoj de la barkoj estas trancataj. La ŝipo ŝanceliĝas, preta por falego, tamen, sin tenas. Theodor Herzl, same kiel la maljuna Solteiro, kiu ĝi iam estis, sin defendis, pelate de bonrasaj bestoj en sian aprejon. Atakate, ĝi rezistis, sin liberigis per direktilmovoj, kaj ankoraŭ balanciĝis. La hokegoj rompiĝis, la detruulo retroiris. Tro forta estis la ondego.

**Kvin mortintoj, tridek vunditoj**

Cetere, sur la ferdeko jam komenciĝis la luktado. Ĉe la intertuŝiĝo transsaltis al ni blanke kaskitaj „marines" kun bastonarmilo en la pugno, maŝinpistolo kaj ponardo traŝulte. Kiom da tempo daŭris la tuto? Du horojn — oni diris al ni... poste!

Obtuza tretado skuis la ferdekon. Mi estis eljetita duonsufokite el la dua ponteto, kvin metrojn malsupren, antaŭ la kajuton. Boteloj dispremiĝis. Du kaj tri defendantoj falis kun sanganta kranio. La „marines" ŝoviĝis antaŭen. El la antaŭa holdo la virinoj paŝigis la botelojn laŭĉene. La ŝnuregoj rompiĝadis. La bomboj daŭre klakis.

Ili alvenis ĝis nia nivelo. Mi vidis unu, kiu pafis mortpala, kun nazo trancita de virtosplitoj. Ni estis sesdek, amasiĝintaj en tiu kajuto; senspiraj kaj plorantaj. Bastono

# LINGVO

## LA PROBLEMO DE „PO"

S-do Butler en sia letero al L. M. (vd. nro 3—4.) malaprobas inter aliaj, ke la Plena Gramatiko rekomendas en certaj okazoj uzi akuzativon post „po". Tion li nomas strangaĵo de la „Budapeŝta skolo" kaj nelogika kaj ne-Zamenhofa.

La Plena Gramatiko tre vaste motivas la gramatikan logikecon de tia uzo. Tamen, mi konfesas, tiu motivado estas iom tro gramatik-abstrakta kaj ne tre allogas por trastudo. Tial ŝajnas ne superflua repreni la temon kaj paroli pri ĝi laŭeble pli popular-maniere.

*

Unue, ni rigardu la Zamenhofecon. Vere, Zamenhof preskaŭ ĉiam uzis nominativon post „po", sed almenaŭ unufoje li skribis: „al ĉiu li donis po du dolarojn", kaj en la Lingvaj Respondoj li deklaris: „Inter *doni po du pecojn* kaj *doni po du pecoj* estas malfacile diri, kiu estas pli bona, kaj tial ambaŭ esprimoj estas uzeblaj kaj bonaj." Kaj tion, ke li mem uzadas nominativon, li motivis per tio, ke en ĉiuj okazoj, kiam estas dube, ĉu la akuzativo aŭ la nominativo estas pli ĝusta, pli oportune estas elekti la nominativon. Estas do evidente: per la rekomendo de nominativo Zamenhof ne *solvis*, sed *evitis* la demandon.

Sed ekzistas ja la Zamenhofa *permeso* de akuzativo post „po", kaj estas klare, ke la uzon de tiu permeso ne eblas deklari ne-Zamenhofa aŭ kontraŭ-Zamenhofa. Kaj — ĉar apriorie nenian demandon oni povas rigardi nesolvebla — ekzistas la espero, ke eble iam oni tamen povas distranĉi tiun nodon de la Zamenhofa „estas malfacile diri" kaj definitive decidi pri la uzinda formo.

Ni provu do ataki tiun nodon per la tranĉilo de la gramatika logiko.

*

En la problemo de „po" ŝajnas kolizii la gramatiko kaj la sintakso.

— Oni devas uzi nominativon — diras la gramatikulo —, ĉar „po" estas prepozicio, kaj prepozicio postulas post si nominativon (krom se oni esprimas direkton, sed pri tio ne temas ĉi tie). Laŭ tiu deviga regulo do oni devas elekti la nominativon, pri tio ne povas ekzisti dubo.

— Sed tamen ekzistas dubo — respondas la sintaksulo. — Ekzistas la Zamenhofa „estas malfacile diri". Mem tiu dubo pri valideco de nepre deviga regulo montras, ke ĉi tie troviĝas io eksterordinara.

— Eksterordinara? — demandas la gramatikulo.

fendis la pordon. Sube oni furioze tretadis inter la eksplodaĵoj de boteloj. La fenestrokovriloj dissaltis, ankaŭ la vitroj. La gaso enpenetris. Unu virino provis eliri. La angloj hurlis, kirlis siajn bastonojn. Oni sin ekkaptis reciproke, korpĉekorpe.

Tiam komenciĝis la terura, neriparebla mortigado en la brileto de la lumjetiloj. Tiel, ĉe la piedo de la ŝtupetaro al la direktilo, staris grupeto da homoj, decidintaj ĝisfine malpermesi la aliron al la direktrado. Ĉirkaŭ fermite, ili ankoraŭ batalis, ĵetante siajn lastajn botelojn.

Mi vidis unu grandan „marine", barbhavan fortikulon, pugnopremi sian Thomson. Li balais kvazaŭ falĉisto. La spirego krak etis. Du, tri homoj falis. La bareloj de vino, je kiuj ili sin dorsapogis, traborite ekgutgutis.

Tie estis Pirotcka, juna ĉeĥo, kaj alia, kies nomon mi ne scias. Unu homo falis en la maron.

Sur la lasta ferdeko oni ankoraŭ aŭdis tretadon. La boteloj ankoraŭ ĉiam klakadis. Ekestis sinsekvo de pafoj. Granda Karlo, kun sanganta kranio falis, sur la antaŭan klappordon.

Kaj nenio plu . . .

Oni mortiĝis. Kaj tri mil homoj neniam forgesos la „marines" de la detruulo K. 600. La lumjetiloj dancis surmare. Ili frakasis nian pordon.

— Get out . . . Get out . . .

Kun nia brusto ŝirita de gasoj, kun manoj levitaj ni eliris unu post la alia. Surtere, la homoj de la golfeto devis hejmeniri. Theodor Herzl ne albordiĝos.

En la vasta silento, kiu sekvas, ĝemoj nun eksonas. Bluvesta oficiro skuas la „chardburn": „Antaŭen, tute!" Sed la maŝinoj ne plu respondas. „Theodor Herzl" malpeze tangas laŭ la ondo.

Finite.

Alia lukto, tiu de la vunditoj, de la sufero, de la malsato kaj soifo komenciĝas. Ĝi devis daŭri tridek kvin horojn.

El la franca: *André Remond*

— Jes, tuj vi vidos. Jen la frazo: „Mi donis al la infanoj po du pomoj(n).“ Ni esploru per la simpla metodo de demandado, kian sintaksan funkcion plenumas tiu „po du pomoj(n)“. Kion mi donis al la infanoj?

— Po du pomoj.

— Vi vidas, ke vi respondis je la demando „kion?“, sekve temas pri rekta objekto. Kaj rekta objekto devas esti akuzativa.

— Nominativa! — krias la gramatikulo —, ĉar tie estus la prepozicio!

— Akuzativa! — rekrias la sintaksulo —, ĉar temas pri rekta objekto!

— Sed tie estas la prepozicio!

— Min ne interesas la prepozicio. Per la nominativo vi pekas kontraŭ la sintakso!

— Kaj per la akuzativo vi pekas kontraŭ la gramatiko!

Tiel batalas la gramatiko kaj la sintakso super la kapo de la kompatinda esploranto. Ne mirinde, ke li fine malesperas kaj rezignacias.

Sed ni ne rezignaciu! Ni esploru plu, kie estas la peko. Ni lasu plu procesi la gramatikulon kaj sintaksulon. La sintaksulo ree demandas:

— Kion mi donis al la infanoj?

— Po du pomoj.

— Bone, obstinulo! Sed min nun ne interesas la kvanto, nur tio, kion mi donis: pomojn aŭ pirojn? Do kion mi donis?

— Pomojn.

— Ĉu ne „po pomoj“?

— Ne, pomojn. „Po pomoj“ ne havus sencon.

— Do pomojn? En akuzativo?

— Jes, certe. Nun ja mankas tie la prepozicio.

— Sed kial ĝi mankas?

— Ĉar … ĉar … mi ne scias …

— Tuj vi ekscios. Mi demandas plu: Kiom da pomoj vi donis?

— Po du.

— Ĉu ne du?

— Ne, multe pli. Tiomoble du, kiom estis la infanoj.

— „Po“ do estas nepre necesa antaŭ „du“?

— Jes.

— Kaj ĝi estas superflua, eĉ malebla antaŭ „pomoj“?

— Jes.

— Sed, se tiel estas, „po“ rilatas ja sole kaj ekskluzive al „du“.

— Ŝajnas tiel … vere …

— Eĉ, tute ĝi ne havas gramatikan interligon kun „pomoj“.

— Mi devas konfesi, ne.

— Sed se ĝi ne havas gramatikan interligon, ĉu ĝi povas influi tiun vorton gramatike?

— Nu, vere, ne.

— Kian kazon do la vorto devas alpreni ?

— Se tiel estas, tiun kazon, kiun postulas ĝia sintaksa funkcio.

— Do akuzativon?

— Je la diablo, jes, akuzativon. Ĉu vi nun triumfas?

— Ne, mi nur ĝojas, ke ni interkonsentas. Do „po“ postulas *ĉiam* akuzativon?

— Atendu iom. Tamen ne! Jen ekzemple la frazo: „Po du personoj rigardis el la tri fenestroj“. Ĉi tie necesas nominativo post „po“.

— Kompreneble! Sed kial? Ni demandu: Kiuj rigardis? Personoj. „Personoj“ respondas je „kiuj“, do ĝi estas subjekto de frazo, sekve nominativa. Sed kion vi diras pri tio, ke ĉi tie *la subjekto de la frazo havas prepozicion*?

— Kurioza afero.

— Kurioza, vi diras? Tio estus harstreĉa gramatika absurdaĵo, se tiel estus. Sed ne estas tiel! Vi jam scias, kial ne estas tiel!

— Jes. Tial, ke „po“ rilatas nur al „du“, kaj ne havas interligon kun „personoj“, ĉi tiu vorto do estas ne komplemento de „po“, sed *memstara substantivo* havanta la epiteton „po du“.

— Kian regulon vi do farus?

— Oni povus deklari: „Ĉar ‚po‘ ĉiam rilatas nur al la numeralo, kaj ĝi ne havas gramatikan interligon kun la postnumerala substantivo …“

— Haltu, haltu! Tio ne estas vera!

— Sed ni jus interkonsentis…

— Tio ĉiam ne estas vera! Rigardu ekzemple la frazon: „Prenu la medikamenton po dudek gutoj.“ Mi demandos aparte pri ĉiu vorto. Kion vi prenu?

— Medikamenton.

— *Kiel* vi ĝin prenu?

— Po gutoj.

— Po kiom da gutoj?

— Po dudek.

— Jen, vidu. „Po“ rilatas al ambaŭ vortoj: al „gutoj“ same, kiel al „dudek“.

— Hm. La afero estas pli komplika, ol mi opiniis.

— Ne tiel komplika. „Po dudek gutoj“ estas nek rekta objekto, nek subjekto; ĝi estas *adjekto* (adverb-esprimo), ĝi esprimas la *manieron* de la distribuo. Oni demandas pri ĝi per „kiel“. En adjekto la substantivo ne estas memstara, ĝi estas nur komplemento de la prepozicio. Kaj tial nun „po“ tute nature rilatas al „gutoj“.

— Mi komprenas. „Po“ nur tiam havas interligon kun la substantivo, kiam ĝi estas la prepozicio de adjekto.

— Nun vi estas prava: „kiam ĝi estas *la* prepozicio de adjekto“. Ĉar povas okazi, ke antaŭ „po“ staras alia prepozicio.

— Ekzemple?

— Ekzemple: „La ministroj venis al la konferenco kun po tri ekspertoj Ni apliku la demandadon: Kun kiuj alvenis la ministroj?

— Kun ekspertoj.

— Kun kiom da ekspertoj?

— Kun po tri.

— Nu jen! Ankaŭ en tia okazo „po“ rilatas *nur* al la numeralo.

— Mi komprenas! Tiaokaze ne „po“, sed „kun“ estas prepozicio de la adjekto! Kaj tial „po“ ne povas rilati al la substantivo.

— Do nun la afero estas klara?

— Atendu! Kiel vi dirus: Mi donis al la infanoj po *unu* pom …

— Kiom da pomoj vi donis?

— Po unu.

— Ĉu po unu estas unu?

## OBSERVO

SARTRE: LA VENKINTOJ

Sur la scenejoj de la Eŭropaj teatroj pli kaj pli ofte aperas la teatrajoj de Sartre, la profeto de la ekzistismo. Nun mi raportas pri unu el ili, pri la triaktajo titolita: „La venkintoj". Ĝi ne estas dramo, ĝi estas serio de bildoj, riĉa de realismaj detaloj. La kruele sekciema detaleco, la monomania obstinemo ĉe iu detalo aŭ iu penso estas fundamenta trajto de la verkista kaj homa sinteno de Sartre. Jam ĉe la komenco, kiam la kurteno disiĝas, la dramo estas finiĝinta. Homoj staras sur la scenejo, kiuj iam vivis kaj nun pri si mem raportas al si en la antaŭĉambro de la morto. Francaj partizanoj sidas kun katenita mano en malpura subteg-mento. Ĉu post dek minutoj aŭ dek tagoj venos por ili la murdontoj, tio neniom ŝanĝos ilian situacion. Ili estas mortintoj. Kio postrestas, tio estas nur afero de enterigo. Tamen ili leviĝas, ĉirkaŭiradas sur la scenejo, plendas, furiozas, malesperas. Unu el ili plendas pri siaj maljunaj gepatroj, kiuj opinias, ke ilia filo iris en Britlandon, kaj dum jaroj ili atendos lian revenon, kaj ne rimarkos, ke ili lin forgesos malrapide. La alia, virino, pensas pri sia amato, kiu estas partizanestro. Sed ĉiu pensas ankaŭ pri la ideo, en kies servo ili falis. Unu post la alia oni trenas ilin al la torturejo por elpremi el ili konfeson. Ili ne volas konfesi kaj ili ne konfesos. Ja ili ne havas ian grandan sekreton, indan je tio, ke je la kosto de forŝiro de iliaj ungoj, de distordo de iliaj piedoj ĝin ili prisilentu. Eĉ tiun frenezan kontentigon ili ne havas. Ili silentas pro fierego, pro malestimo. Ili volas esti pli fortaj ol la torturantoj. Ne ia celkonscio, sed la fierego kaj ekzistisma solo plenigas ilian koron. Estas inter ili deksesjarulo, kiu terure timas la morton ... En la senmova kaj seneventa dramo tamen okazas io. Oni portas en la malliberejon ankaŭ la partizanestron, la amaton de la knabino. Sed la torturistoj ne scias, kiun ili kaptis sur la strato. Ili opinias lin simpla stratiranto kaj lasas lin libera, post ioma ektimigo ... Sed nun la atendantoj de la morto jam havas sekreton, pri kiu estas inde silenti en la torturejo... Kaj ili silentas. Kun la freneza obstino de la obseditoj. La knabon, kiu ne scius kaj eĉ ne volas silenti, ili mem sufokas, por ke li ne perfidu la estron.

Kiam ili restas solaj kun sia

---

— Ne, ĝi estas la multoblo de unu.

— Kaj kian nombron oni uzas ĉe pli-ol-unu?

— Pluralon.

— Kial do vi timas uzi pluralon?

— Bone, mi ne timas: Mi donis al la infanoj po unu pomojn.

— Ĝuste! Ni do konsentas, ĉu ne?

— Jes. „Po" estas kvazaŭ Janus-vizaĝa prepozicio.

— Ne, ne, ne, ne. Ne „po" estas Janus-vizaĝa, sed la numeralo. Ĝi rigardas antaŭen substantive por povi alpreni prepozicion, kaj ĝi rigardas malantaŭen adjektive, por povi funkcii kiel epiteto.

— Sed kial la numeralo estas Janus-vizaĝa nur post „po"?

— Ne nur post „po"! Rigardu la frazon: „Ĉirkaŭ tridek homojn mi vidis ĉirkaŭ la du mortintoj." Mi demandas: Kion mi vidis?

— Homojn.

— Ĉu ne: „ĉirkaŭ homoj"?

— Ne, tio ne havus sencon.

— Kaj kiom da homoj mi vidis?

— Ĉirkaŭ tridek.

— Ĉu ne tridek?

— Ne, eble pli, eble malpli ol tridek.

— Jen do, la okazo estas analoga al „po du pomojn". „Ĉirkaŭ" rilatas nur al tridek; ĝi ne havas interligon kun „homojn". Nun ni vidu la alian „ĉirkaŭ". Kie mi vidis tiujn homojn?

— Ĉirkaŭ mortintoj.

— Ĉirkaŭ kiom da mortintoj?

— Ĉirkaŭ du.

— Vidu, ĉi tiu okazo estas analoga al „po dudek gutoj". „Ĉirkaŭ" rilatas al „mortintoj" same, kiel al ‚du". Kaj se vi ankoraŭ ne estus konvinkita, faru alian provon! Postmetu la numeralojn!

— Mi vidis homojn, ĉirkaŭ tridek, ĉirkaŭ la mortintoj du.

— Nu jen! La unuan „ĉirkaŭ" vi metis malantaŭen, kune kun „tridek", la duan vi lasis antaŭe. Kiel aspektus, se vi farus male?

— Mi vidis ĉirkaŭ homoj tridek la mortintoj ĉirkaŭ du — sensencaĵo!

— Jen do! Estas sendube, ke la unua „ĉirkaŭ" apartenas ekskluzive al la numeralo; tial, ĉe ties postmeto, ĝi devas veni kune kun ĝi malantaŭ la substantivon. La dua rilatas al ambaŭ vortoj, do ĝi devas stari antaŭ ambaŭ. Kaj tute same estas ĉe „po".

— Vi estas prava, vere. La postmeto (doni pomojn, po du; vidi homojn, ĉirkaŭ tridek) estas tre instrua; ĝi evidentigas la substantivan vizaĝon de la numeralo, antaŭe kaŝatan de ĝia epiteta funkcio.

— Do ni kaptis la pekulon?

— La pekulon?

— Jes, la pekulon, kiu per sia petolemo konfuzas la kapon de la gramatikistoj. Ĝi estas la numeralo kun sia duvizaĝeco...

*

Ni forlasu la du diskutantojn, kiuj jen tiel bele interpaciĝis.

Kaj ni nun ne formu regulon, ni ŝparu ties lernon al la legantoj, esperante ke ili komprenos la aferon el la supra dialogo.

Kaj ni tre petas sdon Butler, bonvolu al ni komuniki, se en ĉi tiu artikolo li trovis ion erara, aŭ, pli ĝuste, ĉiam ankoraŭ ne sufiĉe klara. *K. Kalocsay*

## HELMI DRESEN

Ŝin mi memoras kun fotografa precizo. Ronda kapo, en kiu la okuloj petole briladis per klara lumo, spegulante la sinceron de la animo; blonde-grizaj haroj ĉe sunbrunigita vizaĝkoloro; tiel granda kiel mi, kun ŝultroj rondaj, kvazaŭ kurbigitaj sub la pezo de la prapatraj mizeroj — kaj tiu sonora rido, tiu rapida, senlace kuranta babilado . . . „Ĉiam jukas mia lango, ŝi diris al mi iun vesperon; ĉiam, kiel vera estono, mi ne povas ne kritiki."

Ni konatiĝis dum la itala migra kongreso de 1935. Kaj tuj estiĝis inter ni amika atmosfero, ia sento de hejmeco, kiel ŝi diris. Ni diskutis preskaŭ nur pri lingvaj aferoj, kaj preskaŭ neniam akordis — sed des pli agrabla estas la babilo, kiam oni vidas ĉiujn siajn argumentojn lerte rebatitaj de kompetenta kaj bonvola kontraŭulo. Kaj se tiu kontraŭulo estas virino, almiksiĝas ĉiam al la ĝojo de la skermado ia pli dolĉa sento, kiun ŝi penis difini „ia delikatumado kaj tenerumado", kaj kiu donas al la vivo freŝajn kolorojn. Cetere estis maloftaĵo renkonti tiel spertan duelantinon. Ŝi parolis egale perfekte tri lingvojn, estonan, rusan kaj germanan (krom Esperanto, kompreneble), kaj ŝi legopovis la anglan kaj la francan. Ŝi rakontis al mi pri siaj samlandaninoj, tiel kuraĝaj, ke ili ne hezitis vojaĝi dekojn da kilometroj, ĉiusemajne, por ĉeesti la Esperantan vesperon. Certe, kun tia gvidantino, la kunvenoj povis esti nur allogaj kaj instruplenaj.

Mi trovis ŝin en Vieno kun granda plezuro. La ĉarmo de niaj longaj babiloj kun Kalocsay, Totsche (ne, Tarkony), Newell kaj Hovorka, dum super niaj kapoj amasiĝis ĉiuj fulmotrondroj de Eŭropo, neniam forviŝiĝos el mia memoro. La vesperon de la internacia balo, Helmi prenis min per la mano kaj al-

---

freneza sekreto, en la laboratoria aero de la ekzistismo unu post la alia aŭdiĝas la ekzistismaj tezoj pri la soleco. „Ĉiu mem aranĝas sian sorton" — ili diras, kvankam el la malsupraj ĉambroj aŭdiĝas, miksiĝante kun gramofonkriaĉo, la hurlo de ilia kunulo portita al konfesigo. „Ne estas helpo" — ankaŭ tion ili diras. Kaj tio estas vera. Sed ke nenio havas sencon, nek vivo, nek morto, tio jam ne estas vera. Eĉ ili mem ne kredas tion. Ili eĉ ne kondutas tiel, eĉ se la aŭtoro donas en ilian buŝon tiajn vortojn: „Oni devas nenion pripenti kaj oni ne devas helpi, la vivo ne plu havas signifon kaj ankaŭ la morto ne havas."

Laŭprograme Sartre starigis siajn heroojn en la senfundan senesperon de la nihilista torporiĝo de la spirito kaj lasis ilin tie solaj. Li enscenigas la artifike koncizigitajn momentojn de la senmova fato kaj volas filtri el la laboratoria ekzemplo tiun lastan konkludon, ke la vivo mem estas senmova kaj la homo estas la senespero ĵetita en la dezerton de la soleco. La mallumajn viziojn de sia freneza, fantomvida fantazio li projekcias antaŭ nin kun sendube sugesta forto. Bona verkisto. Sed, kaj ĉiu sentas tion, li estas spirito malsana ĝis la frenezo. Por la fakuloj de la psikanalizo certe li estas ekscita problemo. Ni frostotreme elpaŝas al la vivanta homa mondo el la neforgesebla panoptiko de liaj premaj inkuboj.

Forlasinte la elcerbumitajn, malsanajn figurojn de Sartre, ni vidu, kiel kondutis la partizanoj el sango kaj karno, la francaj liber-batalantoj mem. En la ĵus aperinta libro de Aragon ni aŭdas ilian voĉon . . . Ekzemple, Aragon memoras pri la ekzekuto de la 27 martiroj de la koncentriga tendaro de Chateaubriant. La ekzekutotoj, kiuj dum longaj monatoj estis forfermitaj de la ekstera mondo, de sia popolo, dubas nek pri la venko de la vero, nek pri la sorto de sia lando, neniun el ili senesperigas malkuraĝo. Kaj kiuj estis tiuj ekzekutitoj? Laboristoj, instruistoj, profesoroj, oficistoj, studentoj. Ni vidu unu el ili. Guy Moquet, la deksepjara studento, havis la solan krimon, ke li ne malkaŝis kaj ne neis sian amon kaj estimon al sia patro, kiun kiel komuniston enkarcerigis la faŝistaj juĝistoj. Kaj la 22-an de oktobro en 1941 la senkulpan deksepjarulon la faŝistoj ekzekutis same, kiel liajn 26 kunulojn, sen ekzamenado, proceso, juĝo. Por lin liberigi sin proponis anstataŭe pluraj laboristoj, eĉ virino, la edzino de Kerivel, kies edzo tie kantis la Marseljezon inter la 27. Vane, li devis morti. „Estas vere, mi dezirus vivi — skribas Guy Moquet en sia adiaŭletero — sed kion mi deziras el la tuta koro, tio estas sole, ke mia morto servu al io... Lastan adiaŭon al ĉiu mia amiko, al mia frateto, kiun mi tre amas. Li lernu, por ke kreskante li fariĝu vera homo. Deksep jaroj kaj duono: mia vivo

kondukis min al grupo da junaj, vestobuntaj estoninoj, al kiu ŝi prezentis min per jenaj vortoj: „Jen la gramatika monstro!" Eksplodis ĝenerala rido, kaj ŝi tiam klarigis al mi, ke dum la vintro ŝi legis — ne sen kritikoj, ĉu ne? — al siaj lernantinoj pecojn el la „Plena Gramatiko"; kaj el la legado kaj komentado, ili estis farintaj al si bildon vere abomenan pri la unu aŭtoro, kies vizaĝon ili ankoraŭ ne konis — ia maljuna, nazumportanta, grumblanta, salivumanta librorodemulo: nu, tia mi ne estis ankoraŭ tiutempe, sed Helmi malice ne ĝustigis ilian iluzion, ĝis ŝi povis ĝui ilian surprizon kaj mian ekmiron. Estis bela tempo, kiam oni tiele ŝercis . . . Kiom nun vivas plu, el tiuj ĉarmaj knabinoj?

Ni revenis kune de Vieno al Salzburg kaj dum la veturado mi, ne senpene, akiris de ŝi la promeson, ke ŝi kontribuos al la revizado de la „Plena Vortaro". La okazoj, ho ve! ne ebligis tiun kunlaboron, kiu estis por mi tiel valora kaj plezura. Jam la sekvantan jaron komenciĝis la frenezaĵoj, kaj ili tre profunde ŝin vundis, kvazaŭ ŝi havus ian malklaran antaŭsenton pri sia sorto. En Februaro 1939 ŝi skribis al mi: . . . Ĉeĥoslovaka Respubliko — la koro sangas ĉe la ekpenso, ke ĉi tiu simpatia lando pereis. Kiel agrable estis tie, ankoraŭ pasintsomere! Kaj post monato ĉio estis finita . . . Vi sendube legas kaj miras, ke la ĉiam ŝercema ridetemulino parolas tiel pesimisme, tiel serioze. Apenaŭ vi kredos, se mi diros, ke mi ja estas fakte homo *tro* serioza . . ." Kaj iom poste: „Depost la mortigo de Ĉ. S. R. miaj nervoj tiel aĉiĝis, ke ilia dolorado forigas labor- kaj eĉ vivkapablon . . . ." Sur la alia flanko de la karto, ridetanta knabino prezentis kokidon, kun la deziro: „Ĝojan Paskon!" . . .

Kaj nun ŝi foriĝis en la grandan silentejon, lasante al ni amaran bedaŭron pri ĉio, kio povus esti kaj ne estis. La stulta mano de germana bruto senigis nin je unu el la plej delikataj spiritoj kaj el la plej varmaj koroj, kiun mi konis. Kaj neniam plu la printempo havos la saman rideton.

*G. Waringhien*

---

estis mallonga. Tamen mi ne bedaŭras mian sorton."

Kaj apud la adiaŭvortoj de la junulo ni legu tiujn de la aliloke torturita kaj ekzekutita Gabriel Péri:

„Miaj amikoj eksciu, ke mi restis fidela al la idealo de mia vivo, eksciu miaj samlandanoj, mi mortas, por ke Francujo vivu. Lastan fojon mi ekzamenas mian konsciencon: ĝi estas pozitiva. Tiun ĉi nokton konstante mi pensas pri tio, ke mia kara amiko, Paul Vaillant-Couturier pravis dirante: la komunismo estas la juneco de la mondo, ĝi preparas la kantantajn morgaŭojn. Mi sentas min forta rigardi kontraŭ la morto. Adiaŭ kaj vivu Francujo."

Jen staras do unuj kontraŭ la aliaj: la realo kaj la vizio, la solidaro kaj la soleco, la entuziasmo kaj la malespero, la celkonscio kaj la nihilismo.

Oni povas diri, ke Sartre kalumnias siajn heroojn, kvankam li simpatias al siaj kalumniatoj. Ĉi tie devas kaŝiĝi la fundamenta eraro.

Nu, la eraro de Sartre estas, ke li neas la interdependon de la homoj. Li kredas, ke la socio konsistas el aro da mikrokosmoj havantaj reciproke nenian interrilaton. Ĉiu estas senespere fermita en si mem. La reala fakto tamen estas, ke ĉies vivo estas ligita per mil fadenoj al la vivo de aliaj, al vivoj iamestintaj, nuntempaj kaj futuraj. Kaj tiu interligiteco, se ĝi fariĝas konscia, povas estiĝi impulsojn pli fortajn, ol la kroĉiĝo al la propra vivo — ĉar la vivo havas nenian valoron sen tiu solidareco. Oni ne povas vivi sola: tio estas ekonomia kaj psikologia fakto. La sociemo estas same imanenta en la homo, kiel la individuemo. Sed Sartre ne volas rekoni la senton de sociemo, kaj tial antaŭ la realaj faktoj, antaŭ la heroaĝoj fontantaj el tiu sento, li staras sen kompreno. Kaj por klarigi tiujn nekompreneblajn faktojn, li povas sin turni nur al la malrealaj vizioj de sia filozofio: al la seninterdependaj mikrokosmoj. Kompreneble, tie li ne povas trovi motivojn aliajn, ol kiajn povas havi tiaj abstraktuloj: la malesperan solecon, manian fieregon, malplenan spiton, sterilan superemon.

Kie radikas tiu filozofio de Sartre? Nu, kiel ajn li indignos, oni devas diri: ĝi estas simpla dependaĵo de la kapitalisma socio-strukturo; ĉi tiun ĝi spegulas kun sklava fideleco. La aparteco, la „Univers-Soleco" de Eluard, estas la malsana frukto de la kapitalismo.

En la kapitalisma socio la plej forta interhoma ligilo, la laboro ne estas sentata kiel homa interrilato, kiel partopreno en la komuna produkto de necesaĵoj: ĝi estas nur rimedo fari varojn. La laboro aĵiĝas en la varo kaj fariĝas ties „valoro". En la ekonomia vivo ne homo staras kontraŭ homo, sed varo kontraŭ varo. La interrilaton de la varoj, ĉe ilia interŝanĝo, ja difinas ilia „valoro", do la kvanto da laboro enkorpiĝinta

en ili, sed pri tiu valoro oni jam ne konscias, ke ĝi propre estas enkorpiĝinta laboro, kontribuo al socio, do homa interrilato. La valoron de la varo oni rigardas ia mistera propraĵo, kvazaŭ fetiŝa povo de la varo. Kaj la sorton de la socio regas ne la homoj, sed tiu fetiŝa povo de la varoj. La homoj havas nek influon, nek respondecon. La ekonomia krizo estas estigita per tio, ke la varoj perdas el sia valoro kaj aĉeteblecо, la internacian streĉon kaŭzas, ke la varoj serĉas por si merkatojn, la kapitalo estas ne rilato de ekspluato, sed mistera povo, per kiu la mono pligrandiĝas sin mem. Ekonomia krizo, internacia konflikto, milito — ĉio ĉi estas kvazaŭ natura plago, pri kiu oni ne povas helpi, ĉar por tio oni devus krei racian interrilaton inter la homoj, kaj — tio ne estas ebla. La homo ja estas libera, sendependa, seninterrilata. Li senhelpe drivas direkte al sia pereo, kien lin trenas la nerezistebla fluo de la historio farata de varoj.

„Oni ne povas helpi" diras la herooj de Sartre. La homo estas malperfekta, li estas kondamnita al infaneca malkonstanteco kaj ne povas esti alia ol malkonsekvenca, li estas ludilo de siaj propraj instinktoj, de siaj impulsoj, lia rezonado estas konfuza, malfortika — jen la tezoj de sartrismo. Kaj vere, nur tia povas esti la homo sen interdependo, la homo elŝirita el la socio, la homo „liberega" je ĉia interrilato, la ano de malracia amaso perdinta sian memregon kaj regata de la potenco de la aĵoj. Oni mensogas, dirante: „Ĉiu mem aranĝas sian sorton", ĉar por tio neniu estas kapabla. Aŭ oni aranĝas sian sorton kune kun aliaj, solidare, aŭ oni translasas la aranĝon de sia sorto al la blinda potenco de aĵoj.

La herooj de Sartre estas neekzistantaj personoj. Tiuj homoj, [illegible] li volis, sed ne sciis prezenti [illegible] de [illegible]lidareco, ne „simplaj partetoj" de disociita socio. Kaj tie, kie la homo liberiĝis el la sklaveco de aĵoj, kie konsciiĝis en la homoj la interliga signifo de la laboro, kaj per tio la solidareco trabatis la mucidajn fortikaĵojn de la soleco, oni vidas mirakloj ne nur en la ekonomia progreso, sed ankaŭ en la disvolvo kaj riĉigo de la individueco. La vivo refreŝiĝas, la laboro reakiras sian sencon, la homo sian dignon. Individuemo kaj sociemo, riĉigante sin reciproke, kuniĝas en perfektan sintezon. „Mia respekto al la homo ne sole ne malfortiĝas, sed ne ĉesas kreski, survestante ĉiam novajn formojn" — diras Gorkij. Kaj por tiuj, kiuj, misgvidate de la malsana filozofio de Sartre, Latham, Muir kaj aliaj „individuistoj", emus malesperi pri la sorto de la homaro, ni citu ĉi tie la finajn vortojn de la „Ruslanda vojaĝo" de Priestly: „Kaj nun mi ankoraŭ danku al ili la plej grandan donacon, nome tion — pri kio ili mem ne scias —, ke el ilia lando mi revenis multe pli esperplene kaj kun multe pli granda fido je la futuro de la homaro."

*Alex Kay*

**SINCLAIR LEWIS:**
**KINGSBLOOD ROYAL.**

Preskaŭ cent jaroj pasis de tiam, kiam Harriet Beecher-Stove, „la eta virino, kiu kaŭzis grandan militon", verkis sian mondfaman romanon: „La kabano de onklo Tom." De tiam neniu libro pri negra demando kaj rasmalamo faris en Ameriko tian sensacion, kiel la ĵus aperinta romano de Sinclair Lewis: La Reĝa Familio Kingsblood.

Sinclaire Lewis, aŭtoro de tiom da mondsukcesaj romanoj, „la kolera homo de Ameriko", estis la unua, kiu antaŭ pli ol dek jaroj, en 1935, en sia romano „Tio ne estas ebla ĉe ni", atentigis Usonon pri la danĝero de la faŝismo. Nun, en ĉi tiu romano li faras similan atentigon.

Neil Kingsblood, banka kasisto en Usona urbeto, revenas post la malarmado al sia familio. Li venas el tiu milito, kiun, por la defendo de la homaj rajtoj, en la nomo de egaleco kaj frateco, kune elluktis la blankaj kaj negraj soldatoj de la Usona armeo. En la domo de Kingsblood la negran servistinon oni apenaŭ rigardas homo, kaj la hundon oni nomas „Nigger", kio al neniu ŝajnas riproĉinda. Sed iun tagon okazas tragedio. La maljuna patro de Kingsblood fanfaronas pri siaj reĝaj praüloj. Lia filo, la sinjoro kasisto, volas esti certa pri tiu reĝa deveno, kaj tial li faras esplorojn tiurilate. Sed anstataŭ reĝaj praŭloj li malkovras ion teruregan: li ekscias, ke la pra-pra-praavo de lia patrino estis negro, do ankaŭ li mem estas negro tridekduona. Ekŝanceliĝas lia anima ekvilibro. Komence li sola volas lukti kun la terura sekreto. Li iras en la negran preĝejon, por rigardi, kiaj propre estas la negroj. Poste li vizitas negron, sian iaman kunlernejanon, kiun ankaŭ li mem ĝis tiam malŝatis kaj primokis, kaj elplendas al li sian tragedion. Ĉi tiu homo jam scias, kiel amara estas la sorto de negro en Ameriko, kaj tial decide malkonsilas al Kingsblood la malkovron de la sekreto. Sed la kasisto, kiu ĝuste atendas sian rangaltigon je direktoro, ne povas elporti sola la teruran konscion, kaj ĉion rakontas al sia familio, al siaj amikoj. La konfeso havas neantaŭvideblajn konsekvencojn: oni eksigas lin el lia klubo, el lia okuploko, liaj amikoj lin forlasas, sole lia edzino persistas apud li. Kune ili trairas la tutan kalvarion de la negra sorto. Ilian blondan, bluokulan filineton, kvankam ŝi estas jam nur sesdek-kvarone negra, ŝiaj infan-kunuloj primokas kaj forpelas el inter si. La Kingsblood-

# *RECENZO*

*ANTONIO KAJ KLEOPATRO,* tragedio en kvin aktoj de William *Shakespeare,* el la angla originalo tutproze tradukita de Stephen O. *Andrew;* 1947. The Esperanto Publishing Co. Ltd., Rickmansworth, Herts., Anglujo. 94 paĝoj, prezo ne markita.

En la antaŭparolo la aŭtoro prezentas al ni klarigon pri la fakto· kial li elektis prozan formon tradukante versan originalon. Fidelo kaj kompreneblo estus liaj motivoj — tre honorindaj, tamen trudas sin la demando al ni, ĉu tiuj ecoj ne akordigeblas kun la zorga konservo de l' formo originala. Post la Kalocsay-a traduko de l' Infero de Dante, ni nepre jese respondus tiun demandon. Certe, versa formo plimultigas la problemojn de la tragukanto, sed Antonio kaj Kleopatro valoras la penon.

Nu, la traduko estas fakte fidela kaj komprenebla. Kelkloke eĉ tro fidela, ekzemple ĉe la plurfoje uzata esprimo „diru lin", „diru ilin", kiu estas ja fidelaj tradukoj de „tell him", „tell them" — sen atento ĉiuokaze pri tio, ke „him" „them" signifas en la angla lingvo jen akuzativon, jen dativon. Ankaŭ la esprimo „Lasu ŝin ne diri" konformas al la originala „don't let her tell", sole, ĝia esperanta traduko estus „ne igu ŝin diri". Same, la esprimo „ĉiuj la steloj . . ." konformas al la angla formo „all the stars", sed ne obeas al la esperanta regulo gramatika, laŭ kiu uzo de „ĉiuj" kun difinita artikolo ne estas permesata.

La ĉefa lingva problemo prezentas sin ĉe la traduko aŭ transskribo de la propraj nomoj. La verko estas tre trafa pruvo pri la bezono alpreni la finaĵon „a" ĉe virinaj nomoj.

„Antonio kaj Kleopatra": ĉu tio ne sonus pli bele kaj pli nature? Kaj oni ne devus dum legado senĉese kapromadi, ĉu Agripo estas virino (kiel oni emas konjekti), aŭ viro (kio li fakte estas). La tradukinto mem ŝajnas esti partiano de tiu solvo; li ja skribas „Oktavja" por la originala „Octavia": tre bonŝanca formo ankaŭ pro la sono „j", ĉar per ĝi la originala loko de l'akcento konserviĝas. Ankaŭ la formoj „Sosio, Silio" kaj multaj aliaj pli fidele estus transskribitaj per „Sosjo", Siljo". La formoj „Filadelfoso, Bokuso" estas absolute barbaraj.

La tre grandskala uzado de la sufikso „ec" ne estas aprobinda. Ĉiuokaze, kiam la bazo estas nedubeble adjektiva, la finaĵo „o" ankaŭ memstara plenumas la taskon de substantivigo. Anstataŭ la formoj „forgesemeco, maldiligenteco, danĝereco, beleco, saĝeco, modesteco" gramatike korektas kaj lingve trafas: „forgesemo, maldiligento, danĝero (eĉ sole ĝustas), belo, saĝo, modesto"

Same, kelkloke la uzo de la prepozicio „da" estas nekorekta. „Alportu da inko", „Da muziko, ho!" estas anstataŭendaj per „Alportu inkon", „Muzikon, ho!".

Pli malfacilaj tradukproblemoj ne ĉiam bonŝance estas solvitaj. „Duontimi" en la esprimo „Li duontimas enveni" estas terura elvortaraĵo; „timetas" — eĉ se ne tute senriproĉa — multe pli taŭgas. La esprimo „Niaj pli gravaj aferoj malridetas tiun ĉi frivolecon" ne bone kompreneblas pro la dubinda signifo de l' predikato.

La vorto „ke" ne devas senpere antaŭi la relativan formon de la simplaj vortoj; formoj, kiel „ke kio", „ke kiu" estas orel- kaj cerbofrapaj pro malbela sono kaj gramatika malĝusto. „Ekde la pratempo ni instruiĝis, ke kiu strebas al potenco, tiu estas estimata . . ." per simpla translokigo de la vorto „tiu" (al la konvena loko) fariĝas ĝusta kaj belsona: „Ekde la pratempo ni instruiĝis, ke tiu, kiu strebas al potenco, estas estimata . . ."

Resume: la kulturperanta merito de similaj tradukaĵoj neniel estu neata, sed ni devas postuli pli: *literaturan* valoron, kiu tamen necesigas ĉeeston de la ofte menciata dia fajrero ne nur ĉe la aŭtoro de l' originalo, sed ankaŭ, en sama grado, ĉe l' tradukanto.

*Dro G. Karczag*

---

familion oni volas tranloĝigi el la malnova hejmo en la „negran getton", kaj ĉar ili defendas per armilo siajn homajn rajtojn, oni enkarcerigas la geedzojn.

Jen la fabelo. Ĉu fabelo?

„Jes ja, ĉu plaĉas, ĉu ne plaĉas, jen kio okazas ĉie en la nordo" — diras la eminenta verkisto kaj kritikisto Bucklin Moon pri la romano de Sinclaire Lewis. — „Ĉiu sociologo povas diri, ke ĉi tio estas la pura vero."

Solan aferon riproĉas la kritikisto en la romano de Lewis: la sinceron de Kingsblood. „Iu yankee, kiu malkovras, ke li havas negran praavon, neniel distrumpetas tion, sed iras trankvile hejmen, kaj tenas la buŝon fermita.

La novan libron de Lewis la amerika Societo de Libro-amikoj dissendis al siaj anoj en sescentmil ekzempleroj. La romano, kompreneble, havis sukceson precipe en negraj rondoj. La ilustrita revuo de la negra socio, la „Ebony", surscenigis la romanon per famaj aktoroj kaj „orinigalaj" negroj, por ke ĝi fotografigu la unuopajn scenojn kaj povu komuniki al siaj legantoj la enhavon de la romano ankaŭ en [illegible]

*E. F.*

## NIAJ REPREZENTANTOJ

*AFRIKO:* Afrika Revuo, Maroko, *Casablanca,* 5 rue Savorgnan de Brazza.

*AUSTRALIO:* F. V. Taylor, *Albury,* N. S. W. 653 Jones Street.

*AUSTRIO:* Librovendejo „Tramondo", *Wien,* I., Neutorgasse 9.

*BELGUJO:* Flandra Esperanto Instituto, *Brussel—*West, Pieter van Humbeckstr. 3. Belga Esperanto Instituto, *Antwerpen,* 127 Lange Leemstraat.

*BRITUJO.* Internacia Esperanto Ligo, *Heronsgate,* Rickmansworth.

*BULGARIO:* Internacia Kulturo, *Sofio,* str. Graf Ignatiev 2.

*ĈEHOSLOVAKIO:* „Revuo Esperantista", *Praha,* Uralské Nám 9.

*DANUJO:* Libro-Servo de CDEL, *Kopenhago,* Pr. Jorgensgade 4 A.

*FINNLANDO:* Joel Vilkki, *Somero.*

*FRANCIO:* Unuiĝo Esperantista por Francio, *Paris,* 10 e. 34 rue Chabrol.

*HUNGARIO:* Bleier Béla. *Budapest,* VIII., Rökk Szilárd-str. 28. Poŝtcekkonto n-ro 4014.

*ITALUJO:* Luigi Minnaja, Roma, Viale Gĭulio Cesare 223.

*JUGOSLAVIO:* Slovenia Esperanto Ligo, *Ljubljana,* Cankerjevo Nabrazje 7/1.

*NEDERLANDO:* A. C. van Ingen, *Rotterdam,* .W Buytewechstr. 128 c.

*NORVEGIO:* Norvega Ligo Esperantista, Librofako, OSLO, Boks 942.

*POLUJO:* Isaj Dratwer, *Warszawa,* 11 Listopada 22. T. O. Z.

*PORTUGALIO:* Saldanha Carreira Jorge, *Benfico-*Lisboa, Grao Vasco 33, r/c.

*RUMANIO:* Societo Esperantista Rumana, *Bukuresti,* Casale Postale 9.

*SVEDUJO:* Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm,* 19. Fack 19.071.

*USONO:* Esperanto Asocio de Nord-Ameriko, *New York* 11, 114 West 16-th Street.

ĈI TIU NUMERO, BEDAŬRINDE, EGE MALFRUIS, ĈAR NIA NOVA PRESEJO DEVIS AKIRI LA ESPERANTAJN LITEROJN. NUN APEROS DU NUMEROJ EN RAPIDA SINSEKVO.

L. M.



## Literatura Mondo

bezonas ankaŭ vian helpon. Se vi volas, ke ekde 1948 ni aperu monate, akiru nur unu abonanton al nia revuo. Se ĉiu abonanto akiras nur unu plian abonanton, nia monata apero estos certigita. Ni esperas ricevi ankaŭ vian helpon!

**La eldonejo.**

Felelős szerkesztő és kiadó: Berceli (Bleier) Béla. — Globus rt., Budapest, VI., Aradi-u. 8. — Felelős vezető: Margittay Antal ig.